*Manuel de Seabra*

# Ĉu nur

# unu civilizacio?

**La KromKancerKliniko**

# La KromKancerKliniko

4. Stilekzercoj, R. Queneau, trad. István Ertl, dua eldono A5
5. La Majstro kaj Margareta, Bulgakov, trad. Kris Long
6. Bruoj kaj ludoj, Jacques Manceau, Norberto Saletti, Bertil Wennergren
7. Pala fajro, Nabokov, trad. Meva Maron
8. Letero el Palestino, Alba, trad. Georgo Kamaĉo
9. Hura-A-A-A, Daniil Harms, trad. Natan Procenko
10. Pro kio Esperanto? Koresponda debato
11. La Orelringo, ajnaĵo de Jopetro Danvy + Ŝimstatoj, poemoj de la sama
12. La ĉapo de la sterko-vermo, Georgo Kamaĉo
13. Kulturo: valoro aŭ varo? Kongresa temo de la UK en Prago, 1996 (kun i.a. M. de Seabra)
14. Ŝanĝado, poemaro de Mao Zifu
15. Ĉi-semajne, eĉ ajn-mise, Stefan MacGill
16. Arnau – Kavlan – Septier – Sire (desegnoj, desegnitaj bendoj, komiksoj)
17. Elpensaĵoj, tradukoj de Bruna Ŝtono
18. Alilingvaj erotikaj poeziaĵoj, G. Waringhien, G. Lagrange/M. Duc Goninaz/S. Sire, noveld.
19. Pavloff, Sfar, Yourcenar, Bradbury, trad. Claude Gerlat
20. Trilingva landlim', poemoj de Peter Browne
21. Ekzile, noveloj de Mircea Eliade, trad. Ionel Onet

# La KancerKlinikoKrestomatio

4. GeLKKpoetoj (1977/1987), LeQuint/Le Puil
5. Revenis mi, desegnitaj bendoj de Serge Sire

# La KancerKlinikoteko

1. Knedu min Sinjorino!, Renato Corsetti k. a., tabuaj kaj insultaj esprimoj, nova eldono A5
2. Lingvo Universala, Praesperanto, Rikardo Cash
3. Kvarlingva proverbaro, Lucien Bourgois
4. Kompendio pri blazonoj, Serge Sire (kolora), nova eldono

# Speciala numero

Momo, Kavlan x 2, bildrakonto 48 p.

*Manuel de Seabra*

# Ĉu nur unu civilizacio?

La 28-an de Aŭgusto de 1999, okaze de mia elekto kiel prezidanto de ACEC (Asocio de Profesiaj Verkistoj de Katalunio), la hispana poetino Ana Maria Moix intervjuis min en la ĵurnalo "El País" kaj, unuafoje, mi diris publike ion, kio surprizis multajn personojn en lando kiel Katalunio, kiu, dum jarcentoj, luktis por konservi sian diferencigan nacian karakteron: "Ni ĉiuj, indiferente ĉu ni naskiĝis en unu aŭ alia lando, diferenciĝas en tre malmultaj aferoj, nur la folkloro diferencigas nin." Kaj mi diris ankaŭ: "Kompreneble, vole nevole, la fakto ke oni parolas komunan lingvon, sen patriaj eĥoj, nuligas de la komenco la koncepton de fremdeco, kiu estas inventaĵo." Tiu aludita komuna lingvo estis precize Esperanto, tiu eksterordinara elpensaĵo de Dro. Zamenhof kaj de pli ol jarcento da literatura kreado.

Ne necesas klarigi kiel la koncepto de fremdeco malaperas en kunveno de esperantistoj. Kaj mi ne volas aludi al la Sennaciismo de Lanti, kiu kunigas al la zamenhofa utopio la ankoraŭ pli utopian utopion de la forlaso de etnaj lingvoj favore de unusola neŭtrala lingvo por la tuta homaro. Ne, neniel mi deziras fali en la regnon de la utopio. Tamen, malgraŭ ĉiuj lingvistikaj kaj kulturaj malsamecoj klare evidentaj inter la popoloj, ĉiam ŝajnis al mi – kvankam en maniero pli psikologia ol scienca – ke en ni ĉiuj, homoj, ekzistas profunda unueco – kun ĉiuj diferencoj kiuj ne pro tio ne ekzistas. Kvankam ni parolas malsamajn lingvojn, la babela malbeno de miloj da lingvoj apartigantaj nin, de malsamaj manĝaĵoj, ktp., ni ĉiuj amas kaj malamas sammaniere kaj precize tio unuigas nin. Tial mia deklaro ke "nur la folkloro diferencigas nin".

Ĉi tiu postulato komencis kreski ene de mi kune kun la ideo ke en nia planedo ekzistas unusola civilizacio kaj, eĉ pli aŭdace, ke ĉiam tiel estis. Kompreneble, Esperanto tre implikiĝis en tiu ĉi postulato. Mi bone memoras, en miaj tempoj de gimnazia studanto, en Lisbono, la tagon kiam mi eltrovis ke la granda hispana enciklopedio "Espasa" prezentis ĉiujn kapvortojn en diversaj lingvoj, la plej kurantaj en Eŭropo, kompreneble, kiel la franca, la angla, la germana kaj la itala, sed ankaŭ en tre mistera lingvo nomata "Esperanto". Kaj impulse mi komencis organizi liston de esperantaj vortoj, kvankam mia kono pri tiu stranga idiomo limiĝis al la skemaj informoj de la sama enciklopedio. Mi estis tiam dektrijara knabo kun horizontoj tre limigitaj de la aĝo kaj de la vivo en malnobla diktaturo. Sed, eble precize pro tio, mi estis ĉiam vekiĝinta al ĉiuj fremdaj mondoj. Kiel ekzemplo, mi memoras judan kolegon en mia klaso, al kiu mi komencis peti listojn da jidaj vortoj. En tiu momento mi jam studis la hispanan, la francan, la anglan, kaj la latinan. Eĉ hodiaŭ mi ne scias kial mi komencis studi ankaŭ la jidan lingvon. Eble pro la allogado de la diferenco, pro empatio kun io kio ŝajnis al mi fremda.

Ĉiamaniere, de tre frue por mi la mondo komencis perdi landlimojn kaj mi komencis vidi ĝin kiel varia unuo. Dum ĉiuj postaj jaroj ĝis hodiaŭ, tra miaj legadoj mi komencis eltrovi pruvojn (aŭ tiel ili ŝajnis al mi) ke en la mondo estas unusola civilizacio kaj ĉiam tiel estis, kiel mi deklaris en la menciita intervjuo al "El País" sesdek jarojn poste. Certmaniere, ankaŭ (laŭŝajne) Luigi Luca Cavalli-Sforza aperis por pravigi se ne por subteni mian tezon.

Tio ne signifas ke mia postulato estas korekta kaj nepre elprovita. Mi aspiras nur al la prezentado de certaj elementoj eltrovitaj tra la jaroj, kiuj miaopinie direktiĝas al tiu celo. Sendube mankas multe da esplorado, sed mi jam estas tro maljuna kaj ne vivos sufiĉe por dediĉi min plenigi tiujn truojn nek mi estas eble kompetenta por tion fari. Sed mi esperas ke, post mi kaj sekvante eble kelkajn el miaj spuroj tie ĉi prezentataj, aliaj esploristoj povu fini tiun ĉi tezon. Alian aferon mi volas klarigi: ĉi tiu artikolo ne estas originala esploro, sed nur kolekto de disaj legadoj, sen la uzo de originaj fontoj. Mia sola merito estis kunigi aliulan materialon kaj, certmaniere, serĉi por ĝi alian sencon.

Mi ne bone memoras kiam la ideo ke en la mondo estas, kaj ĉiam estis, unusola civilizacio, ke multaj konsideras eble stranga kaj apartigita de la realo, komencis enkorpiĝi en mi. Krom ĝia malproksima origino en Esperanto, ĝia stimulado eble venis de la kono de la paradoksaj provoj, en la fino de la 19-a jarcento kaj komencoj de la 20-a, transformi militojn de ŝtatoj en klasmilitoj. Kaj ne unuafoje tio okazis. Jam dum la franc-prusa milito ( 1870-71 ), anstataŭ unuiĝi kontraŭ la kapitalistoj ekster la kadro de la nacioj, la mobilizitaj laboristoj konsideris prioritaton defendi siajn proprajn patriojn, kio montris la grandan distancon ekzistantan de la doktrinoj al la realo. Aliflanke, la koncepto de nacia suvereneco estas tre nova. Ĝi venas de la Revolucio de 1789 kaj la Jakobenismo provis ĝin universaligi, kvankam ĝi estis tuj devancita, en la Revolucio de 1848, far la koncepto de popola suvereneco. Tamen, la Jakobenismo de la intelektaj elitoj akiris forton kiu, malgraŭ ĉio, alvenis al nia tempo. Viroj kiel Friedrich W. Schelling, Johann G. Fichte, Friedrich Schleier-macher aŭ Lorenz von Stein formis novan nacian konscion. Por ili la ŝtato ne estis sumo de individuoj, laŭ la principoj de la Franca Revolucio kolektitaj de Napoleono, aŭ maŝino je kies servo la socio devus submetiĝi, kiel volis Frederiko la 2a[1], sed supera unuo, en kiu ĉiuj konscioj kuncelas por naski nacion.

Ĉi tiu malracia sinteno, nutrita de filozofoj kaj poetoj, kreis patriotismon kies unua flago estis la nacia aserto vidalvide al la Napoleona eŭropa projekto. Kaj tiu fortikigo de la nacia spirito iĝis troega obstaklo al la planoj de Napoleono kaj konformigis la mapon de Eŭropo ĝis la Dua Mondomilito, kiam Eŭropa Unio ekkomencis elforĝiĝi. Flankenlasante la antaŭtempajn provojn de Karlomagno kaj de Napoleono, nur post la Dua Mondomilito oni komencis labori serioze cele al la restituado de la antikva Romia Imperio kaj al la kreado de efektiva unueco en Eŭropo kaj unuafoje oni antaŭvidis la eblon de transnacia kulturo, kvankam tuj aperis la naciista reago deklarante ke nenia tipo de "transnacia kulturo" povas anstataŭi la nacion kaj ĝian kulturon. La tiel nomata "globismo" marŝas tiudirekten, kio portas multojn diri ke nun ekzistas monda kulturo ĉar ĉiuj strutkturoj de signifo kaj esprimo interrilatiĝas, iel ajn, ie ajn. Kaj la kosmopolitoj havas specifan rolon en la momento akiri certan koheran gradon.

Ĉi tiu historia evoluado devenas de la plej granda katastrofo de la historio de la homaro, kiu estis la detruado de la grek-romia imperio far la Kristanismo. Dum preskaŭ 1500 de la 2000 jaroj de Kristanismo, praktike ekde la Milana edikto (jaro 313a), kiu legalizis la Kristanismon, al la Franca Revolucio (1789), Eŭropo estis submetita al feroca kristana diktaturo. Ne nur la bazaj kredoj, sed la plej etaj pensoj, la vestoj, la manĝoj, eĉ la orgasmoj kaj la plej etaj sociaj agoj de la popolo estis cenzuritaj, politike kontrolataj por konservi la popolon en la kristana virto de la malklero. La tiel nomataj barbaraj popoloj, kiuj, tra la *foedus*[2], serĉis la utilon de supera civilizacio kiel la romia, tute ne imagis ke anstataŭ ekhavi la lumon de la romia civilizo ili falus en la obskurantismon kaj la superstiĉojn de la Kristanismo.

La artoj posedis ankaŭ ion ajn pekeman pro la libero kiun ili trenis kvazaŭ propra esenco, pro ilia reliefigo de la korpo, heredita de la Grekoj, kaj pro ilia mensa diboĉo. Pro tio ankaŭ la artoj estis la grandaj viktimoj. Disde la venko de la Kristanismo komencis lanta sed senkompata detruado de ĉio kio povus memorigi la Paganismon, kun la volo kaŝi kaj forviŝi komplete ĉion apartenantan al la antaŭa civilizacio. Oni vestis la statuojn, se ne eblis ilin detrui (aŭ ilin tranĉi la brakojn), la pentroarto – danĝera kiel ĝi ŝajnis – devis nepre obei rigorajn kanonojn, kiuj kontrolis detale siajn formojn kaj esencon.

Krom detrui la tutan grekan kaj romian survivantan arton, la Kristanismo okupiĝis en la atenta kaj zorga vigilado de la formoj kaj konceptoj de la nova arto (nur kristana, kompreneble) kiu produktiĝis, ne permesante alian krom la religia kaj apologia kaj atingante la detalan fiksadon de la reguloj de ĝia komponado.



Romia damo.

[1] Frederiko la 2a, reĝo de Prusio, amiko de Voltaire kaj ĉampiono de la Klerismo.

[2] Latina vorto kiu entenas la ideon de federado, pakto, kunigo. Jura figuro kiu, tra diversspecaj aliancoj, al Romio permesis la establon de barbaraj popoloj ĉe la landlimo de la Imperio.

La koziĝo de la homo estigita de la kapitalismo havis en la arto neatenditan rezulton, ĉar la kapitalismo ĝin lasis sen klasifiki. La arto, kiu, komence estis proksima al la magio, almenaŭ laŭ kelkaj aŭtoroj, tre proksima al la *envoûtement*[3] kiu, en la Paleolitiko, pelis la artiston reprezenti scenojn de paŝto kiel espero de abundo kaj scenojn de ĉasado kiel antaŭvido de la deziroj de la grupo, troviĝis subite senigita de sia certmaniere privilegia pozicio.

Post sia pozicio de estimata servisto, la kapitalismo donis al la artisto liberecon, sendube, sed ankaŭ transformis sian arton en produkto de malgranda konsumo, malmulte serĉata, kio lasis lin en falsa kaj konflikta pozicio, ĉar, kiel diras Adorno, «post kiam radike apartigita de la objekto, la subjekto reduktas tiun ĉi al si mem, la subjekto voras la objekton forgesante ke li mem estas objekto». Akorde al Sílvio Ricardo Demétrio[4], de la Universitato de São Paulo, «la kampo kie plej altgrade esprimiĝas la koziĝo de la homo far la tekniko, laŭ Adorno kaj Horkheimer, estas la kulturo. Iom de la procedo tra kiu la tekniko iĝas perata komponanto de la sociaj rilatoj post la Industria Revolucio atingas la kernon de la spirita produktado. La kulturo perata far la tekniko iĝas nur ŝajno, ideologia reflekso de la konfliktoj okazantaj en la kapitalista socio. Tiu ĉi perado okazas precize tra la amaskomunikiloj. Adorno kaj Horkheimer deiras en siaj pripensoj de demando pri la statuto de la kulturo antaŭ tiu ĉi teknika perado: ĉu eblas paroli pri amaskulturo? Por tiuj ĉi fondintaj frankfurtanoj la respondo estas nea, ĉar la amasoj detruas ian ajn eblon de kulturo kiel esprimo de la emancipiĝa projekto de la moderneco. Laŭ Adorno kaj Horkheimer la esprimo "amaskulturo" estas oksimoro, tio estas, kontraŭdiro en apudmetitaj termoj per simbola perforto kiu ilin veldas kaj samtempe ilin senigas de ilia senco. La rezulto de la perado de la kulturo far la tekniko estas la projektado de la industria logiko sur la kampo de la superstrukturo.» La kulturo komencas respondi akorde al la imperativoj de la industria logiko de produktado – ĝi estas koziĝita kulturo senigita de sia senco kiel esprimo de la emancipa racio. La egaleco estas la normo de tiu ĉi kultura produktado perigita de la tekniko. Tio kio en la kulturo estas la elemento per kiu kreiĝas identecoj transformiĝas en sia malo, en la neeblo de iu ajn identeco, totala submetado al la ideologia bazo de la industria logiko: la lukro. Pro tio Adorno kaj Horkheimer formetis la eblecon de amaskulturo direkte al fenomeno kiun ili nomis Kultura Industrio. La logiko de industria produktado de la kapitalismo projektata sur la kulturo "integras" la kampojn de la alta kaj malalta kulturo – arto kaj popola kulturo – reproduktante sian kernan valoron, la lukron, kiu kozigas la dimension de la kulturo kiel tuto. La teknologioj de komunikado iĝas la podio kie la maskerado de la mistifiko de la amasoj persvadas siajn aŭskultantarojn pri ilia flatado. La klarigo konvertiĝas en sian malon.» Laŭ la sama linio, Fredric Jameson, citita de S. R. Demétrio, eĉ aŭdacas aserti ke la postmoderna kunteksto konvertis la ekonomikan en kulturan.

La artisto ĉiam havis, de siaj originoj, nedefinitan situacion kaj certmaniere misteran. Herbert Read[5] ne hezitas deklari ke «la artisto ofte oferas al la komunumo ion, kion ĝi ne volas akcepti aŭ, komence, trovas tre malagrable». Aliflanke, forĵetita en la merkaton kvazaŭ laborforto, kiel diras Christopher Caudwell[6], «se li "pentras kontraŭ mono" sendube li akiras kapitalistan pensmanieron». Aŭ almenaŭ tiel ŝajnas, ĉar se oni analizas profunde la situacion, ni povas alveni al multe pli gravaj konkludoj, ĉar la koziĝo estas tiel totala kaj universala, ke ĝi fine entenas la kompletan realon, kiu finfine konfuziĝas kun kapitalismo. Tamen, tio ne estas nepre nova. Jam en la fino de la 19a jarcento, Oscar Wilde denuncas la aferon en unu el siaj famaj paradoksoj, tiel surprizaj kiel plenaj de vero: «Hodiaŭ la personoj konas la prezon de ĉio kaj la valoron de nenio». Unu jarcento post la arestito de Reading, la mono praktike jam forigis la socian naturon de la individuo kaj la homo sentas ke sia loko en la kapitalista skemo estas jam preskaŭ tiu de speco de tolerata *skvato*, kun tre restriktaj rajtoj, ĉiam en danĝero esti leĝe elloĝejigita, kaj restante kun la sento ke la procedo estas justa.

La literaturo iĝis libra industrio, la amasiĝo de la muziko iĝis muzika konsumo. La amatoro iĝis konsumisto. Jam Jean-Pierre Garnier[7] antaŭe avertis pri «la diferenco inter kulturo kaj arto: kulturo estus tio farita por ni kaj arto tio kion ni faras».

Pro ĉiuj ĉi motivoj la hungaro George Konrad aŭdacis aserti, en sia libro *Antipolitic*[8]: "Nun la internacia integro difinas la universalecon, dum la nacia kulturo havas provincan aspekton".

---

[3] Ensorĉaĵo farita sur imago de la ensorĉitulo.

[4] Contracultura e Cultura de Massa – O discurso da ruptura e a política das intensidades – Doktoriĝa tezo. (Interreto)

[5] *To Hell with Culture*, Routledge Classics, Londono, 2002.

[6] *The Concept of Freedom*, Lawrence & Wishart, Londono, 1965.

[7] Sécurisation et Globalisation *L'Homme et la Société nº 155*, Parizo, Januaro 2006.

[8] Harcourt Brace Jovanovich, Novjorko, 1984.

Tio estas aliflanke historie korekta. Al la detruado de la grek-romia imperio far detruema sekto kiel estis la Kristanismo en la unuaj tempoj, sekvis neeviteble regreson. La unuaj kristanoj ne zorgis pri la socio, ĉar (kiel eĉ hodiaŭ la Atestantoj de Jehovo) ili atendis baldaŭ la mondofinon kaj la alvenon de la Regno de la Ĉielo, la Regno de Jesuo. Tio eksplikis la ĝojon kun kiu ili alfrontis la morton. Esti ĵetitaj al la leonoj aŭ esti krucumitaj signifis nur eniri pli rapide en la Regnon. Pro tio la unuaj kristanoj alfrontis la morton kun kantoj de laŭdo kaj danko. Pro la sama motivo la komercon oni neglektis kaj malestimis, la monan traktadon oni kondamnis, oni forgesis la romiajn vojojn, kiuj unuigis Romon al ĉiuj partoj de la konata mondo, kaj oni neglektis la minimumajn higienajn nociojn. Resume: la mondon kaj la tutan civilizacion oni forlasis kaj malestimis. En malmultaj generacioj ĉion oni forgesis kaj Eŭropo falis en la plej absolutan barbarecon.

La terura cenzuro kiu falis sur Eŭropon (sen komparo en ia alia historia epoko, kaj pro la profundeco kaj pro la daŭro) estis totala kaj universala. Dum pli ol mil jaroj, profunda nokto (la angloj nomas ĝin *dark ages,* malluma epoko) mal-leviĝis sur la civilizacion. La eblo spiri iom kaj la eblo pri civila arto nur kun la Renesanco timide revenis (kvankam la punbrulejoj de la Inkvizicio daŭre laboris, en granda parto de Eŭropo, ĝis preskaŭ la fino de la 18ª jarcento), kun klera nobelaro kaj riĉiĝinta burĝaro. Dum pli ol mil jaroj, la artistoj estis ekskluzive je la servo de la Kristana Eklezio aŭ de la superaj klasoj ĝis la komenco de la moderna epoko. Velázquez povis pentri reĝojn kaj Meninas, sed li manĝis en la kuirejo kun la servistoj,[9] kaj por pentri la abomenaĵojn de la mondo, Goya devis ekziliĝi.

Nur la Franca Revolucio, senfortigante la Eklezion kaj la Nobelaron, liberigis la artiston, forsendis lin straten, tio estas, faris el li senlaborulon. La artisto fine akiris liberon verki tion, kion li volus kaj eĉ por malsati, kio fakte okazis en multaj kazoj. La ĵus akiritan liberon kaj dignon oni pagis tro ofte kun la stomako.

Dum tiuj ĉirkaŭ mil jaroj ĉio malaperis kaj la restarigo de la mondo disde la disŝpruciĝo de la povo (la feŭdismo) revenis nur kun la kreado de la modernaj naciismoj. La moderna Eŭropo (tuj superonta, tamen) nur finis sian restituadon en la 20a jarcento, kun la kreado de Eŭropa Unio, kiu, kune kun la postulado de la detruado de la jakobenaj nacioj, trenas ankaŭ la revivigon de la antikvaj feŭdoj kiel bazaj unuoj de administrado kaj la renaskiĝo de multaj lingvoj kaj dialektoj de la latino, kreitaj far la izoliĝo ekzistanta dum la *dark ages* kaj kiu persistis ĝis nia tempo.

## 3

Funde efektiviĝas la antaŭvidoj kaj deziroj de la teoriistoj de anarkiismo kaj socialismo (Kropotkin, Bakunin, Kautski, Lenin...) en la fino de la 19a jarcento, epoko dum kiu la naciismoj ĉampionis: ke la estonto disvolviĝus ne tra la diferenciĝo de la nacioj sed de ilia asimilado. El tio eliris la fama slogano de la 3a Internacio: "Proletoj de la tuta mondo, unuiĝu".

La Anarkiismo kaj la Socialismo ĉiam estis internaciistaj, kvankam ili ne sukcesis transformi la grandajn eŭropajn militojn en klasmilitojn. Kaj, des pli malbone, la invado de Sovetio far Nazia Germanio devigis Stalin uzi la du grandajn ideofortojn de sia tempo por venki la malamikon: krom peti helpon al la proletaj idealoj, Stalin uzis ankaŭ la Religion kaj la Patriotismon por kunvenigi ĉiujn fortojn al la venko. La konsekvencoj de tiu ĉi strategio estis vastaj, ĉar tio kio estis nur fakte strategio, iĝis esenca doktrina punkto kaj la komunistoj komencis esti malpli internaciistaj kaj pli naciistaj. Tiu ĉi fenomeno nur havis historie unu avantaĝon: la eblo de la antikvaj komunistaj partioj survivi ene de la politikaj strukturoj de la nunaj ŝtatoj, kun la eblo prezenti patriotan "paseon".

Sed denove la historio iras renkonte al la ideologio. La kreado (far la kapitalismo, oni ne forgesu) de Eŭropa Unio akordiĝas al tio kion jam diris K. Kautski: "La karaktero de la moderna kulturo estas internacia – ne estas nacia sed eŭropa kulturo. Eŭropo estas la deirpunkto de la eŭropa kulturo, kiu enhavas kaj lumigas ĉiujn angulojn de la mondo. Kaj tio rilatas ne nur al la materia kulturo sed ankaŭ al la mensa kulturo – ĉiuj eltrovoj faritaj en ĉiu nacio, ĉiuj grandaj ideoj, esprimitaj en unu lingvo estas rapide konataj en ĉiuj kulturaj nacioj en sia lingvo".

En tiu epoko ankoraŭ ne estis inventita la radio, la telefono, la televido kaj interreto. Tamen, Eŭropo jam tiel superis feŭdismon ke ĝi portis la mondon al situacio simila al la antaŭfeŭda, aŭ antaŭkristana se oni volas.

---

[9] Estas bela poemo de la sovetá poeto Pavel Antokolski, titolita "Portreto de infantino", kiu montras tre elokvente la situacion de la artisto antaŭ ĝia liberigo:

> La guvernistinoj venis kvazaŭ ŝafoj, rigardis
> Sin mem en la portreto, kvazaŭ en spegulo. Li aŭdis fluegon
> Da brilaj frazoj. La vorto "ĉarmaj"
> Estis sufokita sub titolo de dek-du vortoj.
> La makzelo de la reĝo, ŝia patro, falis malfermante lian nigran buŝon,
> Kaj, pli pale ol neniam antaŭe,
> Li grakis: "Vi povas manĝi malsupre, Velázquez."
> Kaj li malproksimiĝis por revi pri ŝi.

Ĉi tiu frazo: "Vnizú narkomiat vas" [Внизу наркомят вас, Веласкец] (Vi povas manĝi malsupre), tio estas, en la kuirejo, kun la aliaj servistoj) klare evidentas la lokon de la artisto antaŭ la Franca Revolucio: li havis sian nutradon garantiita "malsupre".

## 4

Sed la unueco de ni postulata ŝajnas veni disde tre malantaŭe.

En sia verko *The Golden Bough*[10], Sir James George Frazer deklaras, bazita en la studo de la Saturnalioj kaj aliaj similaj festoj, ke "en la pra-historiaj tempoj, ekzistis en Eŭropo kaj okcidenta Azio rimarkinda unueco." Fakte, se oni ekzamenas la historion de la homaro laŭ globa kaj plurfaka vidpunkto, ŝajnas facile trovi unuecajn elementojn ĉiam ĉeestantajn, nur kun mallongaj momentoj de relativa apartiĝo. La genetika unueco de la homa specio kiun trovis Cavalli-Sforza ŝajnas ankaŭ evidenta en la kultura kaj civiliza plano.

Nun, ĝenerale oni akceptas ke nia specio unue aperis en Afriko antaŭ ĉirkaŭ du milionoj da jaroj kaj disde tie formigris kaj popolumis Eŭrazion. En sia libro *Gènes, peuples et langues*[11], Luigi Luca Cavalli-Sforza diras: "Pro tio ke ĉiuj homoj ekzistantaj sur la tero havas komunan originon, ni povas esperi ke ĉiuj venas de la sama popolo; popolo kiu multe kreskis en nombro kaj disde la devenpunkto komencis etendi sin kaj dispeciĝi. Ĉi tiu disvastiĝo permesis la ekspansion de la loĝantaro al aliaj kontinentoj kaj, fine, al la tuta terglobo." Tio signifas ke origine, ni, homoj, estis unusola civilizacio kaj unusola raso. La diferencoj aperis kiel adaptado al la diversaj klimataj cirkonstancoj. La plej notinda estis la haŭtkoloro. Nia originala nigra haŭto perdis sian melaninon kaŭze de la malpliigo de la sunaj radioj en aliaj geografiaj zonoj. Ni perdis melaninon cele favori la plej efikan ricevon de la UV-aj radioj. Sed oni devas rimarki, ke kaj en Afriko kaj en Eŭrazio, la kondiĉoj de la homa vivo estis la samaj kaj (kun escepto de la neandertalanoj) laŭŝajne ne aperis aliaj biologiaj diferencoj en la homoj evoluintaj en Afriko kaj Eŭrazio. Nur la idiomoj malproksimiĝis. Ĉio indikas ke la *homo ergaster* aŭ la *homo sapiens sapiens* elirintaj el Afriko parolis unusolan lingvon. La disiĝo de la lingvoj, la tiel nomata babela malbeno, certe okazis pro izoliĝo, pro manko de komunikado inter la diversaj grupoj dispelitaj tra tre vastaj teritorioj.

Ne necesas multe retroiri en la historio por trovi pruvojn de tiu fenomeno. La nunaj latinaj lingvoj (portugala, galicia, kastilia, kataluna, aragona, franca, provenca, itala, ktp.) certmaniere estas misparolata latino. La nunaj latinidaj lingvoj estas tute simple la lingvo de la antikvaj romianoj transformita dum la mezepoko kaŭze de la rompo de komunikado inter la diversaj regionoj de la Romia Imperio. Eĉ nun oni povas trovi ekzemplojn de ĉi tiu fenomeno en certaj lingvoj kiuj vivis multe da tempo sen bona komunikado, kiel ekzemple la romanĉa, parolata de nur ĉirkaŭ 35.000 loĝantoj en diferencaj valoj de la svisaj Alpoj kun grandaj barieroj inter ili, kiu havas tute simple 6 dialektojn. Ĉiamaniere, ĉiam estis certa komunikado, eĉ post la lingva disiĝo, ĉar la teknologiaj progresoj ĉiam komunikiĝis. Kompreneble, estas tre mal-facile datumi la kulturiĝon en tiel malproksimaj epokoj, sed sendube eĉ dum la Paleolitiko kaj la Neolitiko iu ajn teknologia trovitaĵo ĉiam komunikiĝis kun aliaj homaj grupoj en tempo pli malpli rapida.

Dum la Paleolitiko, la populacia denseco estis tre malalta sed ĉiuj gravaj teknologiaj novaĵoj, ĉefe tiuj kiuj permesis kreski la nutradon, la transportilojn kaj la politikan kaj militistan kontrolon sen-kompate komunikiĝis kun aliaj homaj grupoj. Cavalli-Sforza ne hezitas deklari ke "la detaloj de la ekspansioj de la modernaj homoj al la resto de la mondo dum la Paleolitiko eble ĉiam estos mistero, sed estas aliaj ekspansioj pli freŝdataj kiuj estas malpli misteraj." Sed la situacio jam ne estas tiom mistera rilate al la Neolitiko, ĉar en la momento kiam oni pasas de la ĉasado al la kolektado, de la Paleolitiko al la kultivado de plantoj kaj la best-bredado, koincidas, almenaŭ en la okcidenta mondo, kun la disvolviĝo de novaj teknikoj de kreado de ŝtonaj iloj. Cavalli-Sforza organizis mapon de la ekspansio de la agrikulturo en Eŭropo bazita sur la alveno de la tritiko laŭ la datumado de la radioaktiva karbono kaj montras al ni proksimume la rapidecon kiel la novaj teknikoj vojaĝis en tiu epoko. La tritiko eliris el Mezoriento kaj Anatolio antaŭ pli malpli 9.500 jaroj kaj bezonis pli ol 3.500 jaroj por alveni al Anglujo. La averaĝa rapideco estis unu kilometro ĉiujare. La orientalisto Victor H. Mair[12] trovis antaŭ nelonge ke la itineron de centra Azio oni malfermis antaŭ 4.000 jaroj aŭ pli kaj povus esti jam frekventata dum la komenco de la agrikulturo.



Ĉina kamparano, 7-a jarcento (Dunhuang)

---

[10] MacMillan, Novjorko, 1922.

[11] Éditions Odile Jacob, Parizo, 1996.

[12] *The Tarim Mummies: Ancient China and the Mystery of the Earliest Peoples from the West.* Thames & Hudson. Londono, 2000.

Jam dum la Paleolitiko la uzado de ŝtonoj kaj konkoj de lontana origino montras komencantan interŝanĝan sistemon. Ekzemple disde la aŭrignacio, en Cova de l'Arbreda (Girona, Katalunio) oni trovas nur ilojn de silikŝtono, mineralo neekzistanta en tiu regiono. Kaj la iloj ne estas faritaj kun iu ajn silikŝtono, kiel tiu trovebla en la distriktoj de Taragono, sed kun silikŝtono de pli alta kvalito, kiu povis veni nur el la nordo de Pireneoj. Tio ŝajne indikas la ekzistadon de prosperaj industrioj. Aŭ tiuj homoj faris centojn da kilometroj ŝarĝataj kun ŝtonoj, kio ne estas probabla, aŭ la ilojn oni fabrikis en la regionoj riĉaj je silikŝtono kaj poste cirkulis en Eŭropo tra rudimentaj komercaj retoj.

Ĉio indikas ke la kulturiĝo, almenaŭ en la komenco, eliris el unusola punkto kaj disvastiĝis. Nova tekniko rapide (ene de la rapideco de la epoko) komunikiĝis al aliaj regionoj kaj, en siaj tempaj limigoj, la ekzistanta civilizacio estis unusola, escepte eble la problemo de la diferencado de la lingvoj. Tio signifas, ke, kun la tempaj distancoj kaŭzitaj de la lanteco de la komunikoj, la tuta mondo komunikiĝis kaj ŝajnis unueca, eble kun kelkaj malproksimaj esceptoj, kiel en la Amerikoj, kie okazis memstara kulturiĝo post kiam la homoj trairis la Beringan markolon, kaj en aliaj izolaj regionoj kiel Aŭstralio aŭ Nov-Gvineo.

5

Sed oni revenu al la detruado de la Romia Imperio.

La 9an jarcenton, en okcidenta Eŭropo, la komerca klaso ne plu ekzistis. Aliflanke, la vaganta vivo de la komercistoj, la ĉiuspecaj danĝeroj al kiuj ili estis submetitaj en epoko en kiu rabado estis parto de la vivrimedoj de la malgranda nobelaro, la malapero kaj manko de konservado de la romiaj vojoj, la naturo mem de feŭdismo kaj de la sociaj agrikulturaj strukturoj, portis tre lante al la kreado de lokaj interŝanĝaj kaj komercaj centroj. En la komenco de la 9a jarcento, la foiroj komencis aperi en ĉiam pli granda nombro. La celo de la lokaj merkatoj estis provianti la necesajn produktojn por la ĉiutaga vivo, kio eksplikis la fakton ke ili realiĝis ĉiusemajne, kaŭze de ilia limigita trafpovo kaj la restrikto de ilia aktivado al malgrandaj detalaj operacioj. La foiroj, male, estis periodaj kunvenoj por profesiaj komercistoj. Ili estis centroj de interŝanĝo kaj speciale de pogranda interŝanĝo kaj provis varbi la plej grandan nombron da personoj kaj varoj, sendepende de iu ajn loka konsideraĵo. La plej famaj estis tiuj de Flandrio kaj Ĉampanjo, famaj pro la importado de silkoj, oro, arĝento kaj speciale spicojn.

La reviviĝo de la mediteranea komerco en la 11a jarcento ebligis malbezoni la judojn kiel perantoj kun la easto. Nur en Barcelono, la judaj komercistoj, riĉigitaj dum la muzulmana epoko, kiuj restis en la urbo post la kristana rekonkero, partoprenis en la mara komerco kiel proprietuloj aŭ sekretaj partneroj en la posedo de ŝipoj. En la resto de Eŭropo, la okcidentaj judoj iĝis simplaj lombardistoj, alpruntante monon kun interezo, ĉar la malpermeso de la uzuro, aplikata al la kristanoj, ne atingis ilin.

La mezepoka komerco disvolviĝis ekde la komenco sub la influo ne de la loka podetala komerco sed de la longdistanca. La spicoj estis la ĉefa objekto de ĉi tiu komerco, kiuj neniam ĉesis okupi la ĉefan rolon. La spicoj kreis ne nur la riĉon de Venecio, sed de ĉiuj grandaj havenoj de la okcidenta Mediteraneo. Dum la 11a jarcento restariĝis la rekta navigacio inter la Tirena maro, Afriko, kaj la eastaj havenoj kaj la ĉefa ŝarĝo de la komercoŝipoj estis spicoj. La okcidentaj popoloj, kiuj, ekde la fino de la Merovida erao forlasis la uzadon de spicoj, ilin rericevis tre ĝoje. La spicoj tuj reokupis sian lokon en la dieto de la superaj klasoj de la socio kaj ju pli la komerco ilin eksportis transen la Alpoj, des pli ilia serĉo kreskis. Sirio estis la ĉefa destino de la karavanoj venantaj el Arabio, el Hindio kaj el Ĉinio kaj estis ankaŭ la ĉefa celo de la eŭropaj ŝipoj ĝis la tago kiam la eltrovo, en la 16a jarcento, de nova mara vojo permesis la malplikarigon kaj la universaliĝon de tiuj importadoj.



**Mediteranea galero de la 12a jarcento (laŭ miniaturo de Pietro da Eboli, *Liber ad honorem Augusti*, Stadt-und Universitätsbibliothek Bern, Kod. 120, fl. 119.**

Tiu ĉi interkomunikado ĉiam ekzistis dum la klasika erao en Eŭropo. La tiel nomata "Itinero de la Silko" jam funkciis en la epoko de Romio kaj Grekio. Oni konas antaŭajn homajn cirkuladojn laŭlonge de tiu itinero, kiel montris la trovado de grandaj tombejoj de hindoeŭropaj populacioj en la okcidenta parto de Ĉinio, en la provinco Xinjiang. Tie la granda sekeco de la dezerto de la antikva baseno de Tarimo permesis ke multaj kadavroj restis sekaj kaj preskaŭ perfektaj, ĉefe tiuj kiujn oni enterigis dumvintre, kiuj fosiliĝis (dehidratigitaj per frostigado). Kelkaj havas klare bluajn okulojn kaj blondan haron. Krome, la vestaĵoj, kiuj ofte konserviĝis tre bone, montras eŭropan originon, akorde al la datumado laŭ la radioaktiva karbono. Temis pri nordeŭropanoj, kaj la plej antikvaj havas minimume 3.800 jarojn.

Laŭ la lastaj esploroj ŝajnas ke la itineron de Centra Azio oni malfermis antaŭ 4.000 jaroj aŭ pli, kaj eble jam oni ĝin uzis dum la komenco de la agrikulturo.

Dum kelke da tempo, la surteraj itineroj inter Eŭropo kaj la Oriento estis blokitaj de la potenca regno de la Partoj kaj la kontaktojn oni faris permare, tra la Ruĝa Maro kaj Hindio. En Romio ekzistis granda postulo de eburo, parfumoj, pipro, perloj, testudŝelo kaj aliaj luksaj artikoloj nur provizeblaj el la Oriento. Strabono montras personan konon de la Ruĝa maro, de la golfo de Adeno kaj de la Malajzia duoninsulo. Aŭgusto ricevis ambasadorojn de Hindio kaj Klaŭdio de Cejlono. Oni scias tra ĉinaj fontoj ke ambasadoro de Marko Aŭrelio vizitis Ĉinion en la jaro 166a. Tiuj konkaktoj estas bone dokumentitaj tra, ekzemple, romiaj moneroj trovitaj en Cejlono. Jam en 25 a. K., 120 ŝipoj lasis ĉiujare la havenon de Myos Hormos[13] por Hindio. Dum Strabono, kiu vivis en la regno de Tiberio, posedis nemultan detalan konon de Arabio kaj de Hindio, la anonima aŭtoro de la nomata *Periplus Maris Erythraci,* kiun kutime oni datumas kvindek jaroj poste, montras personan konon de ambaŭ bordoj de la Ruĝa Maro kaj de golfo de Adeno ĝis kabo Guardafui, kaj de Hindio ĝis kabo Komoro, kaj iom konas Afrikon ĝis Zanzibaro kaj Azion ĝis la Malajzia duoninsulo.

La 14^an p. K. la romia senato malpermesis al la viroj la uzadon de silko, sed la komerco ĉiam kreskis. En tiu epoko Romio pagis la silkon kaj la juvelojn de Centra Azio per oro kaj arĝento, sed baldaŭ tiuj artikoloj vojaĝis en ambaŭ direktoj, ĉefe post kiam la dinastio Kuŝan prenis la potencon en Centra Azio kaj garantiis la stabilecon en la tuta tera itinero. En tiu epoko oni sendis ĉinan komisiiton al Okcidento. Kvankam probable li ne povis alveni al Romo kaŭze de la ruzoj de la Partoj, kiuj deziris konservi sian enspezigan pozicion kiel perantoj kaj pro tio konvenis trompi ambaŭ flankojn pri la vasteco kaj naturo de ilia teritorio inter Ĉinio kaj Romio. Oni trovis diversajn artikolojn, kiujn Ĉinio komencis aĉeti, inter kiuj vitro kaj asbesto. Kurioze, Ĉinio disvolvis la produktadon de vitro en la 5a jarcento, proksimume en la sama epoko kiam en Okcidento oni eltrovis la sekretojn de la produktado de silko, sed eĉ post la kreado de siaj propraj industrioj, ambaŭ imperioj daŭrigis la importadon de tiuj produktoj. La tekniko fandi feron disvolviĝis en Ĉinio en la sama epoko kiel en la Romia Imperio. Pro tio artikoloj el fero aperis inter la unuaj eksportoj de Ĉinio. Centra Azio estis la ĉefa produktanto de jado kaj certaj juvelŝtonoj, kiel lazurŝtono, dum Hindio vendis spicojn, kotonojn kaj eburon kaj al Ĉinio kaj al Okcidento.

En la Itinero de la Silko ankaŭ oni komercis loke kun multaj aliaj produktoj. Astrakanon oni aĉetis en Dzungario kaj oni vendis en Lianzhou, urbo de la koridoro de Gansu. La komercistoj aĉetis salon de la tibeta altebenaĵo kaj oron de Altajo, sude de Mongolio, kiun oni vendis en Chach (nuntempe Taŝkento) kaj en Samarkando al la oraĵistoj kiuj faris ornamaĵojn de stampita oro. Oni aĉetis kaj vendis rizon, oranĝojn, abrikotojn, figojn, sekvinberojn, parfumojn, medikamentojn kaj pigmentojn, kiel lignon brazilan (kiu venis el Hindio), kotonon (kiun la Venecianoj nomis *bombacinus* kaj la Ĝenovanoj *cotone).* Inter la varoj vojaĝantaj tra la Itinero de la Silko, oni trovis ankaŭ rubenojn, safirojn, ametiston, silkon, salon, rizon, parfumojn, substancojn uzitaj en medicino, perlojn, pipron, muskaton, moskon, espikanardon, ciperon, kubebon, kariofilon, kamforon, zingibron, indigon, taninon, cinamonon, ambron. Oni deziris ankaŭ orientajn manufakturaĵojn, poste imititaj en Okcidento, kiel damasko, muslinoj de Mosulo kaj de Gazao.

La Itinero de la Silko komencis en Chang'an (nun Xi'an) kaj oni nomis ĝin "Imperia Vojo". La karavanoj komencis sian vojaĝon laŭ la direkto al norduesto ĝis la granda karavanejo de Lanzhou, sekvante poste al la nordo, al la arida dezerto kaj transen ĝis la stepoj mastrumitaj de la tiel nomataj barbaraj popoloj. Tiam ĝi sin turnis ĝis la nuna Panĝabio, ĝis la Persa Golfo kaj al Egiptio kaj Arabio tra la Ruĝa Maro. Ne multaj komercistoj faris la kompletan Itineron de la Silko, restante en la zonoj de siaj respektivaj urboj kaj renkontante aliajn komercistojn "survoje". La ĉina nomo de la itinero estis "Tianshan Nan Lu" aŭ "la vojo suden de la ĉielaj montoj".

Aliflanke, ekde la 2^a jarcento a. K. la grekaj kaj poste romiaj karavanoj kiuj deiris de Petrao, ŝipveturis tra la Ruĝa Maro ĝis la hindaj havenoj, kreante tion, kio poste oni nomus la Itinero de la Spicoj.

Estonte la Araboj kaj la Persoj daŭrigis ĉi tiun komercon, navigante ekde la estuaro de la Tigriso ĝis la Persa Golfo. Dum la 8a kaj 9a jarcentoj, la Sudo de Ĉinio estis vaste koloniigita kaj ĝiaj marhavenoj estis kosmopolitaj urboj en plena apogeo kun grandnombra fremda loĝantaro. La grandaj komercaj ŝipoj navigis per veloj kaj remiloj kaj ankoraŭ uzis kompason por orientiĝi. La komerco inter Arabio kaj Ĉinio, tra Hindio, ankoraŭ prosperis en la fino de la 15^a jarcento. Kiam, en tiu epoko, la eŭropanoj ankaŭ integriĝis al tiu komerco, Ĉinio ĵus sendis ekspedicion al la malproksima afrika bordo kaj ĝiaj ŝipoj estis multe pli grandaj ol la eŭropaj.

[13] Egipta haveno, nun Quseir al-Qadim.

Dum la unua miljaro a. K., la Sogdianoj iĝis la ĉefaj komercistoj de la Itinero de la Silko kaj la sogdianaj urboj, kiel Samarkando, Balj kaj Chach (Taŝkento) havis milojn da magazenoj plenaj de varoj de Oriento kaj de Okcidento.

La vastaj teritorioj kiuj etendiĝas de la Kaspia maro al Ĉinio por la homoj vivantaj antaŭ mil jaroj estis la renkonta loko de la ĉina civilizacio, enkondukita tra la komerco kaj la politiko, kaj la Hindia kulturo disvastigita de la budhismo.

Vera vojreto trairis ĉi tiun landon sur kiu veturis komercistoj, dungosoldatoj, monaĥoj kaj aliaj vojaĝantoj. Ĉi tiu reto simpliĝis kun la kolektiva nomo de "Itinero de la Silko", esprimo kreita de la germana geografiisto Ferdinand von Richthofen en la 19a jarcento – kvankam ekzistis pli ol unu itinero kaj la varoj tie transportitaj inkludis ne nur silko sed multaj aliaj. La plej okcidenta zono de tiu parto de la Itinero de la Silko ricevas la nomon de Sogdiana – la regiono inter la rivero Oxis (Amudarjo) ueste kaj la monta sistemo de Pamiro easte. La centra regiono estas la baseno de Tarimo – geografia nomo de la dezerto inter la montoj de Pamiro ueste kaj la lago Lop Nor easte. La zono pli interna nomiĝas koridoro de Gansu – kiu prenas sian nomon de la nuna ĉina provinco, kiu iras disde Dunhuang ueste ĝis Chang'an easte. Dum la 8a jarcento, Samarkando kaj Chang'an estis enormaj urboj, multe pli grandaj ol iu ajn eŭropa urbo de tiu epoko. Ilian grandon kaj riĉon oni ŝuldis al la komerco de la Itinero de la Silko. Fakte, rilate al komerco kaj kulturo, la Itinero de la Silko estis la centro de la mondo.

Antaŭ la ekzistado de skribitaj fontoj, Eŭropo konis Centran Azion tra la nomadaj soldatoj – Hititoj, Grekoj, Citoj, Slavoj, Germanoj kaj Keltoj– kiuj mastris grandan parton de Eŭropo kaj Azio ekde la tria miljaro a. K., post la dresado de la ĉevalo kaj inventado de la ĉaro. Kiam ili lernis rajdi, komence de la unua jarmilo a. K., ili estis tiel taŭgaj ke ili povis kontroli la ĉevalon nur kun la suba parto de la korpo, restante kun la manoj liberaj por teni armilojn. La unuaj skribaj fontoj pri la historio de Centra Azio estas de ĉi tiu epoko. La greka historiisto Herodoto skribis pri la Citoj de Centra Azio de la 5a jarcento a. K. kaj post du jarcentoj Aleksandro Magno iris trans Samarkando kaj alvenis al la valo de la Hindo, sed plejparte ĉi tiu historio estas ankoraŭ spekulacio pro manko de skriba aŭ arkeologia dokumentado. La fakto estas ke en Centra Azio la establitaj komercaj itineroj, la grandaj urboj, la agrikulturo, la esplorado de minoj, la metalurgio kaj la komerco estis tre disvolvitaj. Ekzemple, oni trovis ĉina silko de 1.500 a. K. en Baktriano (nuna Afganio) kaj la Citoj prilaboris oron elfosita de la minoj de la montoj Altai. Oni scias ankaŭ ke okazis grandaj migradoj tra Centra Azio kaj el tie al Eŭropo. Sed post la fino de la 3ª jarcento a. K., kun la fondiĝo de la ĉina imperio kaj ĝia posta teritoria ekspansio, ekzistas pli da dokumentado.




Itinero de la Silko en la 8a jarcento

6

Ĉiamaniere, sendepende de la intenseco de la konktaktoj inter Eŭropo kaj Oriento, post la falo de la Romia Imperio laŭŝajne tiuj konktaktoj malgraviĝis dum certa tempo. Kontraŭe al la pozicio kuranta inter multaj (kvankam ne ĉiuj) historiistoj, miaopinie ne la Barbaroj detruis la Romian Imperion. Male, la Barbaroj ĉefe volis havi la romian civitanecon, kiu estis la plej alta konata civilizacio. Romio uzis tiun fakton politike, permesante la setladon de multaj popoloj en la periferio de la imperio kiel defenda ŝtopilo kontraŭ la grandaj homaj migradoj de tiu epoko. Sendube kelkafoje okazis agresoj kaj Romo estis eĉ okupata la jaron $410^{an}$ de la Gotoj, sed, malgraŭ la kutima razio, la celo de tiu okupado ne estis la detruado sed la absorbiĝo far la latineco. Male, nur la kristanoj volis la detruadon de Romio (la granda prostituitino). Dum la unuaj tempoj, la Kristanismo estis fakte detruema sekto, unu el la plej detruemaj en la homa historio. La Kristanoj estis konvinkitaj pri tre proksima mondofino kaj la alveno de la Dia Regno. Tio eksplikas (ĉu?) la fakton ke la Kristanoj facile akceptis martiriĝon kaj ofte, en vere masoĥista teniĝo, preskaŭ ĝin deziris. Ne unufoje la kristanoj iris al martiriĝo esprimante sian ĝojon per kantoj. La morto por ili reprezentis la tujan eniron en la Dian Regnon. Pro tio ilia indiferento rilate la mondajn aferojn, inkluzive ilia manko de higieno. Samtempuloj de la unuaj kristanoj diris ke ili estis malkleraj kaj malpuraj. Tio okazis almenaŭ ĝis la 4a jarcento, sed ĝis la alta mezepoko tio estis tre ofte valida. Sufiĉas legi la verkojn de Imperatoro Juliano, kiu, antaŭ la kristana tendenco ataki la tradiciajn diojn, promulgis la Edikton de Toleremo, laŭ kiu ĉiuj religioj troviĝus en la sama situacio[14]. La detruado de la grek-romia mondo, tio estas de la civilizacio, estis tiom forta imperativo, ke la civilizacio kie la kulto de la korpo, de la gimnastiko kaj de la higieno transformis la korpon en io peka, alvenis al teruraj ekscesoj.

En la kadro de la detruado de la tuta civilizita mondo, sendube malkreskis la intenseco de la internaciaj kontaktoj. Sed laŭŝajne tio okazis nur aspekte. La malapero de centra potenco kaj la maltoleremo de la Kristanismo, iom post iom, enigis en la forgeson la intensajn rilatojn inter Okcidento kaj Oriento, kiu fine falis komplete en la manojn de la komercistoj kaj de la muzulmanoj. En iliaj manoj restis, do, la plejmulto de la rilatoj kaj de la komerco inter Oriento kaj Okcidento. Laŭ al-Idrisi la interŝanĝoj inter la Persa Golfo kaj Kantono kaj la Azia Suduesto estis normalaj. En la 8a jarcento troviĝis nestorianaj kristanoj en Turkestano kaj en Ĉinio, elmigrintaj eble de Sirio, de Irako kaj de Persio. Ĉe la fino de la $13^{a}$ jarcento kaj komenco de la 14a, la komercistoj de Kairo havis intensan komercon kun Hindio kaj la insuloj de la spicoj.

Tamen, post 1237 la mongoloj invadis Eŭropon. Plifortikigitaj far la unuiĝo de ĉiuj nomadaj turkomongolaj triboj de la alta ebeno trans la Altajo, komanditaj de Temuĝin, poste konata kiel Gengis Ĥano ( “Tre potenca senjoro” ) , tiu triba unuiĝo



Ĝingis-Ĥano

konkeris unue la teritoriojn norde de la Flava Rivero kaj, ueste, la regnon de Kara-Ĥitan en la Orienta Turkestano kaj la imperion Jorezm, kiu inkludis Persion, Jorasan, Samarkandon kaj grandan parton de Afganio. Dume, la Kitaroj organizis rudimentan administracian sistemon, same kiel imperian komunikadan sistemon kies poŝtoj permesis ke la stafetoj de la ĥanoj vojaĝis tre rapide disde la Flava Rivero al la Nigra Maro, establante treege rapidan komunikadlinion inter la malproksima Oriento kaj la Kristanaj landoj. Komanditaj de Ododei kaj de lia posteulo Guyko, la mongoloj jam alvenis al Pollando kaj al Silezio, venkante la Hungarojn, alvenante eĉ al Dubrovniko kaj al Adriatiko. Kaj ankoraŭ ekzistis diversaj indo-grekaj regnoj etenditaj tra la valo de la rivero Oxus ĝis la nordo de Hindio – la heredaĵo de Aleksandro Magno.

La Kristanaro ankaŭ ekspansiis easten dum la jarcentoj post Kristo kaj ĉirkaŭ la 3a jarcento ekzistis kristana komunumo en la urbo Meev, sudueste de Samarkando. Dum la 5a jarcento, la grupo de la nomataj duofisitoj apartiĝis de la kristana Eklezio kaŭze de ilia kredo ke Kristo havis du naturojn, unu homan kaj alian dian. Unu el la apologiistoj de ĉi tiu vidpunkto estis Nestorio, pro tio la nomo de Nestorianoj kiu poste ricevis ĉi tiun kredon.

---

[14] Juliano, *Lettres et Fragments,* «Les Belles Lettres», Parizo, 1924.

La Nestorianoj fuĝis easten por eskapi la persekutadon de la monofisitoj (kiuj kredis ke Kristo havis unusolan dian naturon), kvankam fine de la 5a jarcento la iraniaj kristanoj adoptis Nestorianismon kiel ĉefa doktrino. La 7an jarcenton la Nestorianismo gajnis konvertiĝintojn inter la turkaj triboj kiuj tiam estris Baktrianon kaj la jaron 730an jam troviĝas konvertiĝintoj en Ĉinio. Tiel, en tiu epoko troviĝis komunumoj de ĉiuj ĉi religioj en la grandaj urboj de Samarkando kaj Chang'an kaj en la urboj laŭlonge de la Itinero de la Silko.

En 138 a. K. la ĉina imperatoro Wudi sendis Zhang Qian al la Okcidento por akiri la helpon de la Juezhi[15] en sia lukto kontraŭ la Xiongnu[16]. La komisio ne sukcesis, sed Zhang Qian returnis kun informoj tre valoraj pri la "uestaj regionoj", kiel en Ĉinio oni nomis Centran Azion, inter kiuj troviĝis detaloj pri tridek ses remparitaj urboj, iliaj riĉoj kaj komerco. Dank'al tio la ekzistantaj komercaj itineroj pluen disvolviĝis kaj oni inicis diplomatikajn kontaktojn. Tamen la komerco vere prosperis kiam la Romianoj komencis estimi la silkon kaj aliajn orientajn luksaĵojn. La 1an jarcenton la silko estis tiel malfacile trovebla en Romo, ke eĉ la plej riĉaj povis aĉeti nur malgrandajn rubandojn, kiujn oni kudris sur iliaj kotonaj, linaj aŭ lanaj tunikoj en elstara loko. Tamen, dum la 1a jarcento p. K. la nombro de artikoloj komencis kreski proporcie al la disvolviĝo de mara itinero inter Ĉinio kaj Okcidento, kio vekis eĉ pli la avidemo de la Romianoj pri la orientaj luksaj artikoloj, kiel bedaŭras Plinio la Maljunulo en lia *Natura Historio*: "...nun ni vidas... vojaĝojn al Seres [Ĉinio] por akiri ŝtofojn, kiel oni esploras la abismojn de la Ruĝa Maro serĉe de perloj kaj oni traserĉas la profundaĵojn de la tero por trovi smeraldojn. Oni eĉ alprenis la kutimon trabori la orelojn; kvazaŭ porti tiujn juvelojn en kolringoj aŭ tiaroj ne sufiĉus. Oni devas fari ankaŭ truojn en la korpo cele porti ilin tie metitaj... kalkulante modeste, Hindio, Seres kaj la [araba] duoninsulo kune kostas al nia imperio cent milionojn da sestercoj jare. Ĉi tiu estas la prezo de niaj luksoj kaj virinoj."

La jaron 14an p. K. la romia Senato malpermesis al la viroj porti silkon sed la silka komerco ĉiam kreskis. En tiu epoko Romio pagis la silkon kaj la juvelojn de Centra Azio per oro kaj arĝento, sed tiuj artikoloj baldaŭ komencis vojaĝi en ambaŭ direktoj, speciale post kiam la dinastio Kuŝan prenis la povon en Centra Azio kaj garantiis stabilecom sur la tera itinero.

Iom poste, la barbaraj regnoj establitaj dum la 5ª jarcento en Okcidenta Eŭropo, heredis la karakteron de la antikva civilizacio, tio estas, ĝian mediteranean karakteron. Nur la preno de la povo far la Kristanoj (kun ilia fobio al la komerco kaj al la mono) kaj la abrupta apero de Islamo dum la 7a jarcento havis dramajn konsekvencojn por la historio.

## 7

La islama mondo heredis la Itineron de la Silko kaj ankoraŭ pli komplikis ĝian funkciadon, almenaŭ rilate al Eŭropo. Eble dum kelkaj jaroj okazis paŭzo en la Itinero kaj tio sendube favoris la sekretismon de la okcidentaj komercistoj. Ĉiamaniere, la araboj estis baze popolo de komercistoj kaj, eĉ antaŭ ilia islamiĝo, kontrolis efike la komercajn karavanojn en la Araba Duoninsulo. Baldaŭ ili kontrolis ankaŭ la itinerojn kiuj direktis la komercajn flusojn tra la tuta Afriko.

Dum la prakoloniaj tempoj, la afrika interna komerco kaj ĝiaj interligoj kun Eŭropo kaj Oriento, estis tiel bone organizitaj kiel iu ajn alia konata sistemo. Ŝipoj el Hispanio, Portugalio kaj Italio regule vizitis la afrikajn mediteraneajn havenojn, kie la eŭropajn varojn, tolaĵojn, ĉevalojn kaj manufakturaĵojn oni interŝanĝis per daktiloj, olivoj, kolanuksoj, kotono, kupro kaj, ĉefe, oro, la neforigebla bazo de la afrika ekonomio. Kaj sklavoj, jam de la Romia tempo.

Serio da grandaj komercaj imperioj prosperis en la vastaj savanoj de norda kaj centra Afriko antaŭ la koloniaj tempoj. La ĉefaj imperioj estis la regno de Ganao, kiu ŝajne aperis en la okcidenta regiono de Sudano ĉirkaŭ la jaro 700 kaj malaperis dum la 13a jarcento. La dua estis la Malia imperio, kiu sekvis Ganaon preskaŭ en la sama regiono sed kiu evoluis al sistemo multe pli vasta. Aperante dum la 15a jarcento kaj malaperante unu jarcenton poste, koincidante kun Malio en la tempo, ekzistis tria imperio, la regno de Songajo, proksimume de ĉirkaŭ 1359 ĝis 1600 kaj etendita pli easten, en la direkto de la lago Ĉado.

La povo de tiuj imperioj baziĝis litere en la oro. La transsahara ora komerco estis tre antikva, de la tempoj de la fenica koloniigado de la nord-afrika bordo, sed ĝia kulmino okazis kun la muzulmana konkero de Nord-Afriko dum la 7a kaj 8a jarcentoj. Disde la epoko de Ganao, la komercaj urboj de Nordafriko esploris sian avantaĝan pozicion kiel perantoj en tiu ĉi renovigita komerco, kontrolante la eksportadon de oro al la nordo kaj la importadon de salo, "la princo de la varoj", al la varmaj kaj sensalaj regionoj interne de Afriko.

[15] Etnio ankaŭ konata en Okcidento kiel Toĥaroj. Ĉi tiu etnio vivis inter Tun-Huang kaj la montoj Chi-lien.

[16] Nomadoj kiuj, disde la 3ª jarcento a. K. establis vastan imperion en la stepoj de Centra Azio kaj al kiuj oni atribuas la inventadon de la lamena aŭ kompozita arko. Poste, tiuj ĉi nomadoj invados Eŭropon kaj estos konataj kiel Hunoj.

"En la sabloj de tiu lando estas oro, feliĉiga trezoro", skribis la vojaĝanto Abu Hamid al-Andalusi. La komercistoj interŝanĝis salon por oro, portante la salon de la salminoj sur kameloj. Ili eliris el urbo nomata Sijilmaso[17] kaj vojaĝis en la dezerto kvazaŭ en la maro, kun pilotoj kiuj gvidis sin laŭ la steloj kaj la rokoj.

Rapide ankaŭ la vastaj komercaj afrikaj itineroj falis preskaŭ komplete en la manojn de la muzulmanoj. Estis kelkaj provoj de Kristana penetrado en Afriko, aŭ serĉo de novaj komercaj okazoj. Unu eblo estus komerci vojaĝante tra okcidento. Por kiu ne posedis la sekretojn de la Portugaloj, la novaj teorioj pri la sfereco de la Tero lasis tie ĉi malfermitan pordon. La kataluno Jaume Ferrer provis sekvi tiun vojon, elirante el Majorko cele trovi "la oran riveron" kion oni imagis ekzisti en la atlantika bordo. Sed Ferrer neniam revenis. Ankaŭ la ĝenovanoj Ugolino kaj Vadimo Vivaldi forvojaĝis en 1292 kun du galeroj "cele iri tra la maro oceana ĝis la partoj de Hindio". Oni ne plu aŭdis pri ili kaj oni ne scias ĉu ili planis rondvojaĝi Afrikon aŭ krozi la Atlantikon.

En 1375 alia majorkano, la kartografo Abrahamo Cresques, prezentos mapon de la "nekonata kontinento", kiun li faris kun informoj provizitaj eble per aliaj judoj, kiuj, malkiel la Kristanoj, povis libere vojaĝi en muzulmana teritorio. Sed la plej persistajn klopodojn de penetrado en Afriko tere faris la italaj urboj-ŝtatoj. Oni parolas ankaŭ pri iu Antonio Malfante, ĝenovano, loĝanta en la sahara oazo de Tuat. Benedetto Dei, agento de la grandaj bankieroj Portinari, alvenis al Timbuktuo, kie li establis komercajn kontaktojn. Sed en tiu alte konkura epoko, same kiel en Oriento, ankaŭ en Afriko la komercistoj sekretis pri iliaj operacioj kaj pro tio preskaŭ nenio survivis ĝis nia epoko.

En alia flanko de la mondo, komercistoj de Arabio kaj Hindio atingis la havenojn de tio kio estas hodiaŭ Somalio, Kenjo kaj Tanzanio por kunporti oron, eburon, feron, testudŝelon kaj sklavojn. Ĉi tiu komerco en la orienta afrika bordo komencis ankaŭ en tre malproksimaj tempoj. La 2an aŭ 3an jarcenton anonima aŭtoro publikigis gvidlibron en la greka lingvo kun priskribo de la kondiĉoj de la Ruĝa Maro kaj la Hindia Oceano ĝis la hodiaŭa Tanzanio.

Estas ankaŭ konata Kilvao, komerca urbo kiu kontrolis la interŝanĝadon de produktoj inter la interno de Afriko kaj la arabaj kaj indiaj ŝipoj alvenantaj al la easta bordo. Por si kaj por siaj afrikaj klientoj, la komercistoj de Kilvao aĉetis orientajn ŝtofojn, globetojn, porcelanon kaj aliajn luksaĵojn kaj interŝanĝe vendis oron, eburon, kupron kaj feron. La komercaj kontaktoj de Kilvao aliris ĝis lago Niaso kaj eble al la Malia imperio, en la alia kontinenta bordo. Sude, Kilvao kontrolis la komercon ĝis Sofalo, 900 mejloj for.

Kun la apero de novaj stabilaj sistemoj de muzulmana leĝo kaj ordo en Proksima Oriento kaj Nordafriko, la arterioj de ekonomia kresko reprenas ilian tradician elirejon. En la Mediteraneo, kiel en ĉiuj maroj ĉirkaŭ Arabio, la komerco de la antikva epoko revigliĝas kaj tre kreskas. Reagante al la novaj okazoj, same kiel al la defio de la nova unueco kaj kredo, la muzulmanaj komercistoj portis siajn ŝipojn kaj entreprenojn tra la maroj, establiĝis en malgrandaj komercaj kolonioj laŭlonge de la bordoj de Hindio, Cejlono, Malajzio, la orienta bordo de Afriko kaj la sudaj havenoj de Ĉinio. Ili multobligis la antikvajn fenicajn rilatojn kaj remalfermis grandajn kanalojn de interkontinenta komunikado.

La afrikaj produktoj alvenis al la merkatoj multmaniere: sur la dorso de azenoj kaj kameloj, sur la kapo de portistoj, en barĝkeloj. La afrikanoj havis ne nur sian viglan internan komercon sed ankaŭ prosperajn komercajn rilatojn kun Hindio kaj la Oriento.

La komercaj linioj etendiĝis ekde Kairo kaj la havenoj de Orienta Afriko (Assiut, Aleksandrio, Barka, Tripolo) laŭlonge de la norda bordo aŭ tra Saharo, ĝis Marakeŝo, Tagaza, Timbuktuo, Valatao, Gao aŭ Takeda kaj la gravaj afrikaj regnoj de Benino, Ganao, Malio, Sonajo, Kanembornu kaj Kilvao. La krudfero de Orienta Afriko gajnis internacian famon kaj, la 12an jarcenton, la kordovano al-Idrisi[18] skribis ke la plej bona ŝtalo venis el Hindio sed la plej bona fero venis de suduesta Afriko.



Mondkarto de al-Idrisi

[17] Grava komerca centro sude de Feso (Maroko).

[18] Abu Abd Allah Muhammad al-Idrisi (1100-1166) estis konsiderata la Strabono de lia epoko. Lia ĉefa libro estis *Nuzhat al-mushtaq fi ijitiraq al-afaq*, konata okcidente kiel *La libro de Roger*, ĉar ĝi estis dediĉita al la normanda reĝo de Sicilio, Roger.

La fero de orienta Afriko, li skribis, estis provizita "al ĉiuj landoj de Hindio... je bona prezo... [ĉar ĝi estas] tre supera kvalite kaj tre muldebla".

La 9an jarcenton, Bizanco kaj ĝiaj havenoj sur la itala bordo, Napolo, Amalfi kaj ĉefe Venecio, komercis pli-malpli aktive kun la Araboj de Sicilio, Afriko, Egiptio kaj Malgrandazio. Kvankam ambasadoroj, kun longaj haltoj, daŭre estis senditaj al Konstantinopolo kaj, kvankam grandkvante, la pilgrimantoj ankoraŭ iris al Jerusalemo, ili alvenis tie nur post longa kaj malfacila vojaĝo tra Ilirio kaj Trakio aŭ krozante la Adriatikon ĝis la sudo de Italio en grekaj ŝipoj.

8

Samtempe, la komerco daŭris tra la Balta Maro. Unue la vikingoj (la piratado ĉiam antaŭis la komercon) kaj poste la Hansa Ligo daŭrigis la fluon de interŝanĝoj inter Oriento kaj Okcidento. Ene de Eŭropo, oni movis tritikon de Prusio, felojn kaj mielon de Rusio, lignon, gudron, sekigitan fiŝon kaj peklitajn haringojn, anglan lanon kaj francajn vinojn. La flandrajn kaj brabantajn teksaĵojn oni ofertis al la germanaj komercistoj, kiuj tion portis al Novgorodo kaj al la sudo de Pollando. Laŭ amplekso, la hansa komerco egaligis tiun de la Mediteraneo.

Kaspia maro kaj kun la Bizanca imperio, apud la Nigra Maro. Okazis tre intensa komerco de mielo, feloj, kaj ĉefe sklavoj, tre dezirataj por la muzulmanaj haremoj. Oni eksportis norden spicojn, vinojn, silkon, oraĵojn. La supermezura nombro de arabaj kaj bizancaj moneroj trovataj en Rusio montras la sekvitajn itinerojn. Tra la grandaj vastecoj de kontinenta Rusio, la skandinava navigacio ligiĝis do kun la orienta mondo, certmaniere kompensante la fiaskon de la Mediteraneo.

La plej gravan paŭzon kaŭzis la Krucmilitoj pro la brutaleco de la krucmilitistoj, ĉefe la kruelegaĵoj dum la preno de Maara. La franca kronikisto Raül de Caen[19] diras "En Maara, niaj boligis la plenaĝajn paganojn en marmitoj, turnrostis la infanojn kaj ilin manĝis rostitaj." La memoro pri tia barbaraĵo, disvastigita far la lokaj poetoj kaj la perbuŝa tradicio, enradikiĝos en la mensojn bildon de la Kristanoj malfacile forviŝeblan. La kanibalismon de la okcidentanoj neniam oni forgesos. Tra la tuta araba epika literaturo, la Kristanojn oni priskribos kiel kanibalojn.

Normale la krucmilitistoj masakris la tutan loĝantaron, muzulmanojn, judojn kaj eĉ kristanojn (kiuj ĉiam vivis pace en islama teritorio). Kiel konsekvenco, preskaŭ ĉiuj urboj kaj vilaĝoj estis



Vikinga ŝipo de la 9a jarcento, trovita en Oseverg (Norvegio).

Dum la norvegaj kaj danaj vikingoj koncentris siajn raziojn en la Karolida imperio, la svedaj sin turnis al Rusio. Ili sekvis la renversan itineron de la grekaj komercistoj de Keroneo kaj de la Azova maro, kiuj iris al la nordo serĉe de sukceno. Ĉirkaŭ la mezo de la 9a jarcento, la Svedoj establiĝis laŭlonge de la Dnepro kaj enfluantoj. Tiu ĉi zono estis en kontakto kun la kalifejo de Bagdado trans la

evakuitaj de siaj loĝantoj antaŭ la alveno de la krucmilitistoj. Kaj kie oni decidas rezisti, oni komencas per la prudento forpeli la kristanojn kapablaj kunlabori kun la krucmilitistoj.

[19] Citita de Amin Maalouf, *Les croisades vues par les Arabes*, Éditions Jean-Claude Lattès, Parizo, 2000. Mi ne povis konfirmi ĉi tiun citaĵon.

Unuafoje tio okazis en Antioĥio la 1097an, kiam ĉiuj "nassara" (kiel oni nomis la kristanojn, t.e. el Nazareto) estis forpelitaj el la urbo antaŭ sieĝo de la krucmilitistoj.

Kaj pri la rolo de la judoj?, oni povas demandi. Dum la karolida imperio, la vortoj "judaeus" kaj "mercator" ŝajnis preskaŭ sinonimoj. Laŭ la *Capitulaire de Villis*[20], la Radanitoj [judoj el la muzulmanaj landoj] estis ĉiamaj vojaĝantoj[21] kiuj ankoraŭ havis sekretajn kontaktojn kun orientaj landoj. La komerco al kiu ili sin dediĉis estis, krome, ekskluzive tiu de spicoj kaj altvaloraj teksaĵoj, kiujn ili transportis tre malfacile el Sirio, Egiptio kaj Bizanco al la Karolida Imperio. Tra ili la Kristanoj akiris la incenson nepre bezonatan al la solenado de la mesoj. Ili importis pipron, kondimento kiu iĝis tiel multekosta ke ofte oni ĝin uzis anstataŭ monon, kaj orientajn lakojn aŭ eburon, kiuj estis la luksaĵoj de la aristokrataro.

9

Malgraŭ ĉio, tamen, la libro de Marko Polo, laŭŝajne, tre malmulte influis aŭtorojn de geografiaj kaj kosmografiaj verkoj en la fino de Mezepoko. La granda historiisto S.E. Morison[22], asertas ke la plejmulto de la kleraj homoj de tiu epoko konsideris la libron de Marko Polo kiel pura fikcio. John Larner[23] citas aliajn similajn opiniojn: "la enhavo ŝajnas nekredebla", "ĝi estis longa tempo glaciiĝinta en la forĵetejo de la fabeloj", "al la okuloj de la prudentaj geografiistoj de Lisbono ĝi estis fantazia", "la legantoj neniam kredis ĝin".

Tamen, la sveda historiisto A. E. Nordenskiöld deklaris[24]: "Sed inter la neerudicia publiko la afero estis malsama. Ĉi tiu publiko akceptis la priskribojn de Marko Polo kaj preskaŭ ĉiam konsideris ilin kiel revelacioj pri nova mondo". Tio okazis ĉar probable la eruditoj havis pli precizan konon de la realo. Mirigas la fakto ke, ekzistinte dum jarcentoj (aŭ jarmiloj) tiel intensa komerco inter Okcidento kaj Oriento, ekzistis tiel granda nekonado inter ambaŭ mondoj. Sendube la neekzistado de amaskomunikiloj kaj la preskaŭ universala analfabetismo povas eble ekspliki tiun situacion, kvankam ekzistis aliaj disvastigaj metodoj, kiel la rakontistoj, aktivaj en vilaĝoj kaj foiroj. Kio ŝajnas al ni pli efika estas la ekzistado de sekreto flanke de la italiaj komercistoj kiel kompromiso ne paroli publike pri la regionoj kie ili negocis, en provo konservi la monopolon de sia komerco. La kredebleco de la libro de Polo estis tre malmulta ĉar tiuj kiuj konis la Orienton ne parolis. Ekzistis obseda konfidenco rilate al la orienta mondo kaj oni ne rivelis ilian *praticha di mercatura*[25] antaŭ la publiko. Eĉ kiam oni redaktis notariajn dokumentojn oni kutime kaŝis sian destinon kun deklaracioj ke oni iras "trans la marojn kaj kien Dio permesos" aŭ "al diversaj mondopartoj". Konsekvence, ofte nur hazarde kaj malrekte oni scias pri ilia aktivado en Oriento.

Tamen, oni scias ke en 1290 almenaŭ 900 ĝenovanoj laboris en Bagdado je la servo de la mongola Ilĥano Arghum[26], konstruante galerojn kies destino estis likvidi la kontrolon de la komerco en la Hindia Oceano far Egiptio. Dum la sama periodo, kvazaŭ por ekvilibrigi la baskulon, la Venecianoj provis alianciĝi kun la malamikoj de la Ilĥano, la mamlukoj kaj la tataroj Kipĉakaj. Post 1291, kiam Akrao – la lasta kristana bastiono en la tiel nomata Sankta Tero – falis en la manojn de la mamlukoj, la Papo malpermesis ĉian komercadon kun la muzulmanaj landoj. Komence la kristanaj komercistoj interpretis tiun ĉi malpermeson simple kiel malpermeson eksporti militmaterialojn. Tamen, iom poste venis totala malpermeso, la neleĝa komerco iĝis pli danĝera kaj multekosta kaj ĝia valoro malaltiĝis. De la komenco de la 1320a jardeko, ĉesis praktike ĉian komercon kun Egiptio kaj Sirio.



Granda ragusa galero (Dubrovnik).

[20] Aŭ pli korekte la *Capitulare de Villis vel curtis imperii* (aŭ *imperialibus*) estas leĝo de la 9ª jarcento (Karolo la Granda) pri agrikulturo kaj administrado.

[21] Laŭ Abu I-Qasim Ubaid Allah ibn Khordadbeh (en *Kitab al-Masalik wal-Malalik,* Libro de Vojoj kaj Regnoj), la Radanitoj parolis la araban, la persan, la latinan, la francan, la hispanan lingvojn kaj ankaŭ slavajn. Ili vojaĝis de Uesto Easten kaj de Easte Uesten, sur la tero kaj la maro. Ili transportis de la Uesto eŭnukojn, sklavinojn, knabojn, brokaĵon, felojn de zibeloj kaj aliaj, kaj spadojn. Ili enŝipiĝis en Francio kaj iris al Pelusium, portis siajn produktojn en ĉaroj kaj iris surtere al al-Kolzum (Suezo). De tie ili iris al al-Jar (haveno de Medina) kaj al-Jeddah.. Poste ili sekvis ĝis Hindio kaj Ĉinio. Returne de Ĉinio ili portis moskon, aloon, cinamonon kaj aliajn produktojn de la orientaj landoj.

[22] *Admiral of the Ocean Sea, A Life of Christopher Columbus,* Boston, Little, Bromm and Company, 1942.

[23] *Marco Polo and the Discovery of the World,* Yale University Press, New Haven, 1999.

[24] *Periplus: An Essay on the Early History of Charts ans Sailing Directions,* Stockholm, 1897.

[25] Gvidlibroj aperantaj en Mezepoko kun la kutimoj, leĝoj, mezuroj, kaj aliaj sekretoj de la komercistoj.

[26] J. Heers, *Marco Polo*, Parizo, 1887.

Pro tio ke la Ilĥanoj de Persio post 1295 estis oficiale muzulmanoj sed kontraŭaj al la mamlukoj, Venecio malfermis konsulejon en Tabrizo kaj en tiu urbo estis kreitaj du katolikaj monaĥejoj, unu dominikana kaj alia franciskana. En Tabrizo vivis ĝenovanaj, venecianaj kaj aliaj komercistoj de Asti, Milano, Pisa kaj Piacenza kaj en Ormuz vivis venecianoj.

Ekde Persio aŭ ekde la faktorioj ĉe la bordoj de la Nigra Maro, aliaj italoj penetris en Centran Azion kaj transen. Eĉ estas noticoj pri kelkaj kiuj alvenis al Hindio tervoje. En 1291 Pietro da Lucalongo "fidela kristano kaj granda komercisto", eble veneciano aŭ ĝenovano, vojaĝis de Tabrizo al Hindio kaj poste al Ĉinio.

Tio, kion oni sciis kun scienca akurateco restis kaŝita de la eruditoj ĉar la interesoj en danĝero estis tre gravaj. La italoj (la Mediteraneo) volis konservi la monopolon de siaj rilatoj kun la araba mondo, kiu kontrolis la Itineron de la Silko ĝis Aleksandrio, Konstantinopolo kaj la havenoj de la Nigra Maro. Aliflanke, du maraj potencoj, Portugalio kaj Hispanio, provis iri al la Oriento permare, kio signifus seriozan minacon al la mediteraneaj interesoj. Kaj en tiu ĉi tasko la Portugaloj establis ankaŭ alian sekretan politikon, kiu kondamnis je morto iun ajn kiu malkaŝis la portugalajn progresojn tiusence.

Azio estis ofte nomita simple "Hindio" kaj signifis diferencajn aĵojn laŭ la aŭtoroj. Normale ĝi konsistis unue el Egiptio kun la regno de Etiopio, due la teroj easte de la antaŭaj, kiuj inkluzivis la nunan hindian subkontinenton ĝis la insulo "Taprobano[27]" en la sudo, kaj fine "la regionojn trans la Gango", en kiuj, post la 14a jarcento, oni inkluzivis Ĉinion.

Kun la establo de la patriarkeco en Badgado, la nestorianaj eklezioj proliferis en Sirio, Malgranda Azio, Irako kaj Persio. Fakte la Nestorianoj, ne Sankta Tomaso, unue portis la Kristanismon al Hindio. La 8an jarcenton en Turkestano kaj Ĉinio vivis nestorianaj kristanoj.

Sendube tra la itineroj de la karavanoj de Azio, la nestorianaj eklezioj de Mezoriento ricevis noticojn de siaj fratoj en Kristo. Eble la triumfoj, en 1141, de Yeh-la Tashih, monarko de la parte kristanigitaj Kitanoj[28], sur la muzulmana suvereno de Jorezm kaj la seleuka sultano Sanjar, kreis la legendojn pri "Johano, reĝo kaj sacerdoto". La katolika okupado de Konstantinopolo permesis al katolikaj misiistoj kaj komercistoj penetri la Nigran Maron, ĝis Krimeo, norde, kaj ĝis Trebizondo, sude. Ĉirkaŭ la "Granda Maro" inter Sirio kaj Jorasan, konatiĝis pli da kristanoj, ĉefe sekvantoj de la Ortodoksa Eklezio: Rusoj, Kartveloj, la Gotoj de Krimeo, la Alanoj de Kavkazo. Samtempe misiistoj de la kristana regno de Hungario komencis fari prozelitismon inter la paganaj nomadoj de la stepoj de suda Rusio. Sed la ĉeesto de okcidentanoj en la orientaj landoj devus esti multe pli grandnombra ol oni pensas. Pro tio necesis la *Pratica della mercatura,* kreita de la florenca komercisto Francesco di Balducco Pegolotti, speco de gvidlibro de la vojaĝanto kun multe da informoj pri la periodo 1310-1339, dediĉita al "konsili pri la vojaĝo al Catai [Ĉinio] laŭ la itinero tra Tana por tiuj kiuj venas kaj iras kun varoj". Pegolotti eksplikas paŝon post paŝo kiel vojaĝi de la Tana haveno, sur la Nigra Maro, al Khambalia, kiel vesti sin, kiom da servistoj necesas, la prezojn, la sekurecon de la diversaj etapoj de la vojaĝo, kiajn varojn porti por vendi, kiaj eblaj transportproblemoj ekestos, ktp. Kaj eĉ diras: "...se la senjoro mortas kaj ĝis kiam la sekvanta senjoro estu enoficigita, dum tiu intervalo ofte okazas tumultoj kontraŭ la frankoj[29] kaj aliaj fremduloj..."

Tio nur povas signifi ke multaj eŭropanoj vivis en Oriento. Praktike oni trovis eŭropanojn ĉie. Laŭ la *Sinica Franciscana,* I, paĝoj 342-375, katolika misiisto sendis leterojn al Eŭropo tra veneciaj komercistoj kaj dudek jarojn poste kolonio de ĝenovanoj kaj aliaj italaj komercistoj vivis en Zaitou, en la Formoza markolo.

En *Science and Civilisation in China,* vol. 3, ĉap. 22, Joseph Needham diras ke en Ĉinio ekzistis fortan geografian tradicion. En la ĉina literaturo abundas raportoj pri vojaĝoj, lokaj topografioj, geografiaj enciklopedioj kaj antropologiaj-geografiaj priskriboj. Ekzistis vojaĝlibroj pri vojoj laŭlonge de la tuta Itinero de la Silko ĝis Konstantinopolo. La plej antikva survivanta estas de la dinastio Ming, sed tre probable tiuj gvidlibroj jam ekzistis dum la dinastio Yuan. Ankaŭ de tempo nememorebla la ĉinoj faris mapojn, postulis mapojn de la dependaj landoj kaj ili mem estis ofte devigataj sendi mapojn kiel tributo al malamikoj kiuj venkis ilin.

Dume, en 1241 la mongoloj atingis Vienon. En marto de 1245, la papo Inocento la 4a skribis du leterojn "al la reĝo kaj al la popolo de la Tataroj". La unua havis resumon de la kristana doktrino kaj la dua miriga manifestado pro la atako al la kristanaj popoloj. Kopiojn de ambaŭ leteroj oni liveris al diferencaj grupoj de monaĥoj kun buleo asertante la prioritaton de la Roma Eklezio, kiun oni devis prezenti al iu ajn katolika prelato kiun ili renkontus.

[27] Laŭŝajne Cejlono, nuna Srilanko.

[28] La Kitanoj (qidan) estis antikva nomada tribo de la nordo de Ĉinio.

[29] Ĉiuj okcidentanoj estis nomitaj "frankoj".

Oni planis ke du grupoj de monaĥoj devus serĉi la mongolajn reprezentantojn en la Proksima Oriento, al kiuj ili devus liveri la leterojn. Alia el la grupoj devus vojaĝi easten tra Pollando kaj Rusio kaj liveri la papajn mesaĝojn easte de tiuj teritorioj.

Ĉiuj komisiitoj certmezure sukcesis. Post trairi la tiel nomatan Sanktan Teron, la dominikano André de Longjeau atingis Tabrizon, de kie la mongola ĉefo Baiĵu regis Grandan Armenion, la nordueston de Persio kaj la antikvan sultanejon de Konja. La dua misio, formata per la dominikanoj Ascelino da Cremona, Simon de San Quinton kaj aliaj du monaĥoj, atingis la someran kampon de Baiĵu, en la armena altebenaĵo de Sisian. Frato Ascelino certiĝis ke la papaj leteroj, tradukitaj en la persan lingvon, estis senditaj tra la mongola poŝto, al Karakorumo, la ĉefurbo de la Granda Ĥano en Centra Azio. Post la alveno de respondo, li reiris al Liono akompanata de du mongolaj senditoj, kun kiuj la Papo havis serion da senrezultaj konversacioj.

Speciale emocia estis la kresko de la komerco kun la mongola Persio, kiu grandparte fluis suden ekde la Trebizonda haveno, en la Nigra Maro.



La mongola imperatoro Hulagu Ĥano (1217-1265), laŭ miniaturo de la British Museum, Ms. Add. 18803.

En 1246 ĝia reĝo, Hetoum I, akceptis la suverenecon de la Mongoloj kaj liaj teritorioj estis de tiam natura ponto inter Okcidento kaj la Ilĥanato de Persio. De la haveno de Layes, en la golfo de Alexandretta[30], la karavanoj sin direktis al Bagdado kaj, tra Erzurum, al Tabrizo. Unu el la mastraj figuroj de ĉi tiu situacio estis la angla dominikano David Ashby, kiu vivis dek jarojn en la kortego de Hulagu kaj Abaqa, estis sendita kiel ambasadoro de ĉi lasta al la dua Koncilio de Liono la 1274an.

La jardekon de 1270, du gubernatoroj de Tungchuan, kiuj hazarde estis filoj de Guyuk kaj Kubilai Ĥano respektive, havigis vojaĝrimedojn al la nestorianaj monaĥoj Rabban Sauma kaj Rabban Marco. Rabban Sauma naskiĝis en Pekino, Rabban Marco estis filo de arkidiakono de la provinco de Shanxi. En Februaro de 1288 Sauma atingis Romon, estis ricevita de la ĵuselektita papo Nikolao la 4a, kaj revenis al Arghun kun proponoj de helpo kaj ankaŭ, laŭŝajne, kun koncesio kiel patriarka aŭtoritato forcedita de Romo sur ĉiuj orientaj popoloj.

Ekde Konstantinopolo, kie Venecio havis sian propran kvartalon, okazis la plej granda parto de la komerco kun Oriento, kun Aleksandrio kaj kun Akrao, kiu, post la falo de Jerusalemo en la manojn de la Kristanoj, iĝis la ĉefurbo de la kristanaj regnoj en la tiel nomata Sankta Tero.

De Konstantinopolo, du jaraj konvojoj portis silkojn, pigmentojn, felojn, pipron, zingibron, kotonon, plumojn de pavo, sklavojn kaj lignon al Venecio kaj el tie ĉiujn ĉi varojn oni eksportis al la resto de Eŭropo. Tien la Rusoj portis baltan sukcenon, mielon, vakson kaj felojn, zibelojn, ermenojn kaj nigrajn vulpojn. Kaj el tie la Venecianoj eksportis tatarajn, bulgarajn kaj kavkazajn sklavojn al la muzulmanaj suverenoj de Aleksandrio.

En 1248 du nestorianaj kristanoj, reprezentantoj de Eljigitei, la komandanto de la mongola armeo en okcidenta Azio, alvenis al Kipro, kie la franca reĝo Ludoviko 9a kunvenigis sian armeon por ataki Egiption. Tiuj komisiitoj deklaris ke Eljigitei kaj la Granda Ĥano Guyuk konvertiĝis al Kristanismo kaj aldonis ke la patrino de Guyuk estis filino de Prestbitero Johano. En tiuj cirkonstancoj, ili proponis aliancon kontraŭ Islamo. Dume, easte establiĝis diocezoj en Matrega (haveno en la Nigra Maro), en Samarkando, Urganch kaj en Almaliq, kie Rikardo de Burgonjo, en alia efemera sukceso, konvertis la Ĥanon de Chaghatai, antaŭ ol martiriĝi en 1339.

En 1337, la alanoj de Khanbalic, ĉefe tiuj de la imperia gvardio, sentis la neceson peti sacerdotojn al Romo. Ili trovis aliancanon en la Granda Ĥano Toghou Timur, kiu volis rilatiĝi kun Okcidento. Pro tio oni sendis mision "al la lando de la frankoj, transen la sep marojn, kie la suno subiĝas, cele malfermi vojon al la ofta interŝanĝo de ambasadoroj inter la Papo kaj ni". La Granda Ĥano ankaŭ petis "ke oni portu ĉevalojn kaj aliajn mirindaĵojn de Okcidento". La papo Benedikto 12a respondis akorde, kaj sendis sian propran ambasadoron, Giovanni de' Marignolli, franciskano kiu profesoris en la Universitato de Bolonjo, kaj alian ĝenovanan komerciston, Andalò da Savignone. Ili portis donacojn, juvelojn, kaj ĉevalojn.

[30] Iskanderun, en Sirio.

Dum multe da tempo oni dubis pri la ekzistado de regula interkontinenta komunikiĝo kaj oni pensis ke la evidenteco indikas nur la ekzistadon de esceptaj kaj intermitaj aventuroj. Tamen, ĉi tiu komerco estis reprezentata dum la periodo 1330-1345 kiel "kontinua kaj grandnombra fluado". La orientaj varoj estis amaskomerco, pli dependa de la kvanto ol de la kvalito kaj precize pro tio sendube estis tre vasta. En *Economie et société au Moyen Âge: Mélanges offerts à Edouard Perroy*[31], oni diras ke la nombro de komercistoj kiuj iris al Hindio kaj al Ĉinio "ne estis malgranda". En 1320 ekzistis franciskana monaĥejo en Yangzhou, kie oni trovis kristanajn tomboŝtonojn.[32]

Se temis pri malgrandampleka komerco, lando kiel Portugalio ne dediĉus grandan parton de siaj rimedoj cele trovi la teknologion kiu permesus al ĝi forpreni tiun ĉi komercon el la Mediteraneo.

10

Portugaloj kaj Hispanoj ne sekvis la teran vojon. Ambaŭ landoj konis perfekte la geografian situacion de Hindio kaj la sekvendan vojon. Portugalio insistis navigacii ĉirkaŭ Afrikon por eskapi la prezon de la karavanoj en la Itinero de la Silko. Al Portugalio mankis tamen la navigacia teknologio por fari la vojaĝon mare.

La projekto "Hindio" estis elpensita eble dum la 12a Jarcento kiam la Papo likvidis la Ordenon de la Templo. Kontraŭe al tio kio okazis en aliaj landoj, kie la kavalieroj templanoj estis enkarcerigitaj kaj eĉ ofte murditaj, povas ne esti koincido la fakto ke la portugala reĝo Dionizio ricevis permeson de la Papo por ne nuligi la ordenon, ne enkarcerigi ĝiajn membrojn kaj ne konfiski ĝiajn havaĵojn. La Templo kunlaboris aktive en la rekonkero kaj la portugala reĝo povis transformi la Ordenon de la Templanoj en la Ordenon de Kristo, ĉiam ĝin kontrolanta pere de membroj de la reĝa familio. Kvankam ĝi povas ŝajni aŭdaca, estas rimarkinde ke tiu sama reĝo havis iniciaton vere transcenda en sia tempo: plantigi 11.029 hektarojn de piniaro (la fama piniaro de Leiria, ankoraŭ hodiaŭ ekzistanta), ekvivalenta al la tria parto de la totala surfaco de Katalunio aŭ al preskaŭ la duono de la surfaco de Luksemburgo, kvazaŭ, li antaŭvidus, du jarcentojn antaŭe, la grandan maran aventuron en kiu Portugalio enirus.

La transmara projekto de Portugalio kreiĝis laŭŝajne dum tiuj du jarcentoj, komencante kun diversaj provoj konkeri Nordafrikon. Fakte tio estis la kontinuado de la rekonkero de la ibera duoninsulo al la araboj. Pro tio ke Portugalio trovis potencajn regnojn en tiu zono (la natura plilongiĝo de Algarvo), la portugaloj komencis esplori la afrikan uestan bordon, komercante ĉiam kun la loĝantaro. Oni ne devas forgesi ke Portugalio estis malriĉa lando, kiu neniam produktis sufiĉajn nutraĵojn por sia loĝantaro, kiel ankoraŭ hodiaŭ.

En tiuj cirkonstancoj, la projekto "Hindio" estis absolute necesa. Portugalio pensis do anstataŭi la mediteranean komercon kaj enspezigi ĝiajn gajnojn. Estis aŭdaca plano kiu bezonis persiston kaj monon. La monon oni trovis lasante la loĝantaron vivi mizere, kaj ankaŭ tra la unua eltrovitaĵo en la Afrika bordo: la "melegeto" aŭ "malagueta", frukto de la "Malagueta vera" kaj de la "Car. A. majus." kaj la "Var. B. Medium", ambaŭ kun habitato en la Golfo de Gvineo kaj ĉirkaŭaĵoj. De la familio de la kapsiko, temas pri speco de pipro, kiu povis anstataŭi la hindian produkton, multe pli kara pro la longaj distancoj kiujn ĝi devis vojaĝi. Hodiaŭ oni miras pri la estimo kiun tiuj spicoj havis dum la Antikveco kaj la Mezepoko. Sed ĝia uzo en epoko kiam ankoraŭ ne ekzistis fridujoj estis grava por konservi viandojn kaj ilin kondimenti. Subite, la Portugaloj trovis en okcidenta Afriko neelĉerpeblan fonton de ne tiom altkvalita pipro, tamen sufiĉe bona anstataŭanto de la vera hindia pipro. La "malagueta" helpis pagi la multajn sciencistojn kontraktitaj de la portugala reĝo por krei novan navigacian teknologion kaj antaŭenigi la Hindian projekton.

Aliflanke, la portugala krono protektis sian projekton realigante sekretisman politikon kun pezaj punoj, eĉ kun la morto, al tiuj kiuj malkaŝus iun ajn sekretan informon pri ĝiaj esploroj en Afriko. Ĉiuj fremduloj trovitaj sude de Kanarioj estis tuj mortigitaj. La portugalaj spionoj lokalizis kaj persekutis ĉiujn perfidulojn. Eĉ en lokoj tiel malproksimaj kiel Francio kaj Anglio, la perfiduloj ne estis protektitaj nek ekster la trafpovo de la portugala reĝo. Jen kelkaj bone konataj kazoj. Diras Rui de Pina[33]: "post multaj tagoj la menciita [perfidulo] Fernão da Silveira foriris kaj fuĝis mare al Kastilio; sed el tie li estis, pro peto de la reĝo, ekzilita, kaj estis murdita per ponardo de la grafo Palhais Catalão", agento de la portugala reĝo. Fernão da Silveira oni murdis kvin jarojn post la perfido.

Alia kazo: la ekzilita Grafo de Penamacor estis en Londono provante organizi ekspedicion al Mino. La angla reĝo Henriko 7a arestis lin la 1488an, laŭ peto de la portugala reĝo kaj oni lin enkarcerigis en la Londona Turo.

---

[31] Paris, 1973.

[32] F.A. Rouileau, "The Yangchou Latin tombstones as a Landmark of Medieval Christi-anity", *Havard Journal of Asiatic Studies*, 17, 1954.

[33] *Crónica de D. João II*, Publicações Alfa, S.A., Lisboa, 1989, pág. 46.

La portugala reĝo Johano 2a estis speciale senindulga kiam oni minacis lian monopolon de la atlantikaj eltrovoj.

Laŭ la papaj dekretoj de 1452, 1455, 1456 kaj 1481, Portugalio estis la sola regno legitimita por esplori kaj negoci sude de Kabo Bojador, en Afriko (26,6º N). En 1455 la papo Nikolao 5a ordonis ke neniu alia, escepte la Portugaloj (t. e. la portugala krono) povu "porti varojn, aŭ navigacii en tiuj maroj, aŭ iri al tiuj provincoj, insuloj, havenoj aŭ maroj je puno de ekskomuniko".

Tiuj ĉi ŝtataj sekretoj estis zorge gardītaj de ĉiuj, kaj kiam la kortego estis en sesio, unu el la plej oftaj plendoj prezentitaj al la reĝo estis ke la fremduloj estis en la regno "nur por koni niajn *sekretojn* de Gvineo" kaj oni petis ke ĉiuj estu forpelitaj. La reĝo ne nur kaŝis geografiajn sekretojn de la atlantikaj teritorioj, sed ankaŭ kaŝis la gravajn sekretojn pri la komerco de la oro en Mino[34]. La portugalaj ŝipoj vojaĝis suden, trans Ganaon, interŝanĝis portugalajn varojn por afrikaj sklavoj kaj "malagueta", poste iris norden kaj interŝanĝis tiujn sklavojn por oro en Mino kaj portis la oron al Lisbono. Tio pagis ĉion kion la lando manĝis kaj vestis kaj la pluan esploradon de Afriko..

Portugalio havis ankaŭ navigaciajn sekretojn. La teknikoj de navigado ne ĉesis evolui kaj la Portugaloj estis ĉefe dediĉitaj al tio. Tiucele ili dungis tra la tuta Eŭropo la plej bonajn teknikistojn de la epoko, judajn, majorkajn kaj italajn kartografojn. Praktike oni povas diri ke ĉiujn monrimedojn de la lando oni investis en tiu disvolviĝo. De tiu klopodo naskiĝis progresemaj navigaciaj teknologioj, mapoj kaj geografiaj konoj pli rigoraj kaj ankaŭ longaj esploraj sekretaj vojaĝoj en la Atlantika Oceano.

Por plenumi siajn planojn, Portugalio bezonis novan teknologion kaj tio iĝis ĝia ĉefa intereso. Oni modifis instrumentojn kaj oni inventis novajn, la ŝipojn oni plibonigis. La astrolabon, jam konata de la grekoj, la Portugaloj perfektigis tre praktike (plana astrolabo) kio faris ĝin instrumento tre grava ĉar ĝin la Portugaloj uzis prefere. En 1485 oni ankaŭ organizis Tabelaron de Sunaj Deklinacioj, presita en Portugalio la 1492an.



Ligna naŭtika astrolabo.

[34] "Mina Bordo" estas la nomo kiun ricevis la afrika bordo de kabo de Palmas al Aksen, el kie la portugala reĝo aĉetis oron.

La karavelo estis alia grava peco de teknologio rigide kaŝita kiel ŝtata sekreto. La karavelo estis ŝipo kiu revoluciis la maran navigacion en la komenco de la 15a jarcento. Ĉi tiu ŝipo povis velveturi kontraŭ ventoj blovantaj el antaŭe, solvante problemon kiu jam ekzistis antaŭlonge. La portugala vorto *caravela* estas kunmeto de du vortoj: *cara* (kontraŭ) kaj *vela* (velo)[35]. Tio sugestas ŝipo kiu frontas la venton aŭ navigacias kun la veloj fronte al la vento. La karavelo havis la rudron malantaŭe kaj kilon. La portugala karavelo estis tre avangarda rilate al la epoko kaj estis ŝtatsekreto tre rigide kaŝita. Ĝian konstruadon aŭ vendadon eksterlanden oni malpermesis. Ĉi tiu malpermeso estis observata ĝis la tempo de reĝo Manuel (1550). La propietulo de karaveloj kiu vendus, interŝanĝus aŭ kontruus ilin eksterlande estis forte punita.



15-jarcentaj karaveloj.

Ŝajnas ke la unuan karavelon oni uzis en 1441, kiam Tristão Nuno ĝin uzis por navigi ĝis Blanka Kabo (Afriko). En 1454 la reĝo Afonso 5a ordonis ke Alfonso Fernandes, servanto de la Infanto Enriko, kaj liaj asociitoj perdus ĉiujn iliajn havaĵojn pro tio ke ili interŝanĝis aŭ vendis karavelon en Anglio. En 1471, la sama reĝo ordonis la konfiskadon de la havajoj de iu Cide Roiz, kiu vendis karavelon en Aragono. Okazis multaj similaj kazoj kaj, jam en la regado de Manuel, en 1520, oni enketas la vendadon de karavelo al kastiliano far iu Diogo Pires. La portugala historiisto Carlos Selvagem[36] rakontas ke, kiam la kapitano de Arzila[37] sciis ke la maŭraj piratoj de Larache[38] forkaperis kvar karavelojn, tuj kunvenigis malgrandan floton por ilin reekhavi. Kiam li alvenis al Larache kaj vidis ke la karavelojn oni trenis teren, nekapabla ilin reekhavi, meze de kanonpafoj kaj sagoj, li bruligis ilin por malebligi ke la araboj ilin studus aŭ uzus.

[35] Kelkaj aŭtoroj diras ke la karavelo venas rekte de la naŭtika araba nomenklaturo, el la araba *carib*.
[36] Ĉe *Portugal Militar. Compêndio de história militar e naval de Portugal, desde as origens do Estado portucalense até ao fim de Bragança*, Imprensa Nacional, Lisboa, 1931, pág. 264
[37] Aŭ *Asilah* arabe. Ĝi estis okupita de la portugaloj dum la 15a jarcento.
[38] Arabe *al-'Araish, en Moroko.*

La portugala historiisto Jaime Cortesão diras ankoraŭ ke li trovis en la hispana *Archivo de las Indias* ĉiujn burokrataĵojn pri la aĉetado de tri «latinaj karaveloj» por la insulo Hispaniola, kio okazis en 1504. Ekzistas letero de la reĝo Fernando de Aragono al Manuel de Portugal, sia bofilo, petante permeson por tiu aĉetado. Tiu negoco, diras Manuel da Silva Rosa kaj Eric J. Steele en sia verko pri *O mistério Colombo revelado*[39], estas la plej bona pruvo ke la Portugaloj povis konservi sekrete tiun ĉi teknologion dum preskaŭ cent jaroj.

Por konservi sian *mare clausum,* la Portugaloj uzis ne nur la sekretismon sed ankaŭ la kontraŭ-sekretismon. Ili organizis kampanjojn de falsaj informoj pri la situado de novaj teroj por trompi aliajn maristojn, uzis malinformadon pri karaveloj, regularoj, navigacikartoj, itineroj kaj vojiraj planoj... Oni eĉ falsigis la valoron de la tera grado kaj certajn koordinatojn. Tiel la plej antikva terglobo, tiu de Marteno de Bohemio, nun en la Nacia Germana Muzeo, en Nurembergo, estis preparita kun diversaj eraroj klare intencaj por trompi la mondon.

La rezultaton de tiu ĉi taktiko oni vidis en la momento kiam (en 1497) la portugaloj fine alvenis al Hindio, minacante la establitan komercon kun la Mediteraneo. Post kelkaj jaroj, la portugaloj establis reton de faktorioj (plejmulte konkere sed kelkaj ankaŭ tra paktoj kun la lokaj suverenoj) ekde la Araba Duoninsulo ĝis Insulhindio: Adeno, Ormuz, Dio, Damano, Baçaim, Chaul, Goao, Onor, Barcelor, Mangalor, Cananor, Granganor, Coulan, Cejlono, Malako, Maluko kaj ankaŭ Makao, Floroj, Timor... Tiu reto estis defendata de potenca portugala eskadro en la Hindia Oceano cele ne permesi la komercadon establitan tra la Persa Golfo kaj la Ruĝa maro.

La brutaleco de la portugala eskadro rapide nuligis la navigadon en la Hindia Oceano kaj redukis la rilatojn inter Oriento kaj Okcidento tra la araboj kaj la Mediteraneo nur al la teraj vojoj. Samtempe, tra iom da piratado (propra de la epoko) kaj komercado, la portugaloj enmagazenigis en Goao ĉiujn produktojn, kiujn ili sendis Eŭropen ĉiujare profitante la musonojn en multnombraj eskadroj rondnavigante Afrikon.

Post ne multaj jaroj, la konsekvenco estis la ruino de la antikva Itinero de la Silko kiu rezultis en la dekadenco de ĉiuj zonoj kaj regnoj kiujn ĝi trairis. Pro tio ke la Itinero de la Silko estis kontrolita de la muzulmanoj, ĝi rezultis en la dekadenco de la araba mondo kaj ankaŭ de la mediteranea mondo.

La prezo de la orientaj importaĵoj en Eŭropo rimarkinde malpliiĝis. La spicoj eniris en la aĉetpovo de la normala loĝantaro ne nur de la superaj klasoj. La orientaj luksoj eniris en preskaŭ ĉiujn hejmojn. Konsekvence, ĉiuj kontinentoj multe pli proksimiĝis, la sekretoj kaj la misteroj komencis malaperi. La koncepto de fremdeco multe pli apartiĝis kaj de tiam la mondo pli kaj pli similiĝis, ĝis la punkto ke fakte "la diferenco estas la folkloro". La Klerismo kaj la scienca progresado dum la 19ª kaj 20ª jarcentoj, ĉiam plu rapidaj kaj profundaj, kontribuis al la nuna globismo (malgraŭ la kapitalismo). Hodiaŭ en malmultaj sekundoj, mia ĉina tradukistino povas konsulti min. Mia amiko verkisto Peter A. Browne fulmorapide ricevas miajn tekstojn en Teksaso kaj la mondo iĝis kiel en niaj revoj. Ekde la vera komenco en la Paleolitiko ĝis morgaŭ, ni estis ĉiam la sama kaj ununura civilizacio. Kvankam kelkafoje ni ne konscias pri tio.




La unua presita mondomapo (65 mm), en *Etimologiae* (Augsburgo, 1472) de Isidoro de Sevilla.

[39] Ésquilo, Lisbono, 2006.

## BIBLIOGRAFIO (PARTA)


ARBERRY, A.J., *Aspects of Islamic Civilization. As Depicted in the Original Texts,* George Allen and Unwin Ltd, Londono, 1964.

ARSUAGA, Juan Luis, *El collar del neandertal,* Temas de Hoy, Madrido, 1999.

BENOIST-MÉCHIN, *Imperador Juliano.* Ésquilo, Lisbono, 2006.

CARBONELL, Eudald; SALA, Robert, *Planeta humà,* Editorial Empúries, Barcelona, 2000.

CAUDWELL, Christopher, *The Concept of Freedom,* Lawrence & Wishart, Londono, 1965.

CAVALLI-SFORZA, Luigi Luca, *Gènes, peuples et langues,* Éditions Odile Jacob, Parizo, 1996.

CORBELLA, Joseph/ CALBONELL, Eudald/ MOYÀ, Salvador/ SALA, Robert, *Sapiens. El llarg camí dels homínids cap a la intel·ligència,* Edicions 62, Barcelona, 2000.

COULTON, G.G., *Medieval Panorama,* The Fontana Library, Cambridge, 1961.

DAVIDSON, Basil, *Africa in History. Themes and Outlines.* Weidenfeld and Nicolson, Londono, 1968.

DAVIDSON, Basil, *African Kingdoms,* Time-Life International, Amsterdamo, 1967.

DE BURGH, W. G., *The Legacy of the Ancient World,* Penguin Books, Harmondsworth, 1955.

DEMÉTRIO, Sílvio Ricardo, *Contracultura e Cultura de Massa – O discurso da ruptura e a política das intensidades* – Doktoriĝa tezo. (Interreto).

DICIONÁRIO DE HISTÓRIA DE PORTUGAL, Ed. Joel Serrão, Iniciativas Editoriais, Lisboa, 1971. 4 volumoj.

FICALHO, Conde de, *I-Memória sobre a Malagueta* / 2ª eldono reviziita de PALHINHA, Ruy Telles, Agência Geral das Colónias, Lisbono, 1945.

FRAZER, Sir James George, *The Golden Bough,* MacMillan, Novjorko, 1922.

GANSHOF, F.L., *Qu'est-ce que la Féodalité?,* L'Office de Publicité, S.A., Bruxelles, 1947.

GARNIER, Jean-Pierre, Sécurisation et Globalisation *L'Homme et la Société nº 155,* Parizo, Januaro, 2006.

GURNEY, O.R., *The Hittites,* Penguin Books, Harmondsworth, 1969.

HEERS, J., *Marco Polo,* Parizo, 1887.

JULIANO, *Lettres et Fragments,* «Les Belles Lettres», Parizo, 1924.

KONRAD, George, *Antipolitic,* Harcourt Brace Jovanovich, Novjorko, 1984.

LARNER, John, *Marco Polo and the Discovery of the World,* Yale University Press, New Haven, 1999.

*LEGACY OF ROME, THE,* Ed. Cyril Bailey, Oxford at the Clarendon Press, Londono, 1968.

*LEGACY OF THE MIDDLE AGES, THE,* Ed. C.G. Crump & E.F. Jacob, Oxford at the Clarendon Press, Londono, 1969.

LE GOFF, Jacques, *¿Nació Europa en la Edad Media?,* Crítica, Barcelono, 2003.

LE GOFF, Jacques, *Les intellectuels au Moyen Age,* Seuil, Parizo, 1957.

LEROI-DOURHAM, André kaj a., *La Préhistoire,* Presses Universitaires de France, Parizo, 1968.

MAALOUF, Amin, *Les croisades vues par les Arabes,* Éditions Jean-Claude Lattès, Parizo, 2000.

MAIR, Victor H., *The Tarim Mummies: Ancient China and the Mystery of the Earliest Peoples from the West.* Thames & Hudson. Londono, 2000.

MORISON, S.E., *Admiral of the Ocean Sea, A Life of Christopher Columbus,* Little, Bromm and Company, Boston, 1942.

NORDENSKIÖLD, A. E., *Periplus: An Essay on the Early History of Charts ans Sailing Directions,* Stockholm, 1897.

PERICOT GARCÍA, Luyís / MALUQUER DE MOTES, Juan, *A humanidade Préhistórica,* Editorial Verbo, Lisbono, 1971.

PINA, Rui de, *Crónica de D. João II,* Publicações Alfa, S.A., Lisbono, 1989.

PIRENNE, Henri, *Histoire économique et sociale du Moyen Age,* Presses Universitaires de France, Parizo, 1969.

READ, Herbert, *To Hell with Culture,* Routledge Classics, Londono, 2002.

ROSA, Manuel da Silva/ STEELE, Eric J., *O Mistério de Colombo Revelado, Ésquilo,* Lisbono, 2006.

ROUILEAU, F.A., "The Yangchou Latin tombstones as a Landmark of Medieval Christianity", *Havard Journal of Asiatic Studies,* 17, 1954.

RUNCIMAN, Steven, *The Fall of Constantinople 1453,* Cambridge University Press, Cambridge, 1966.

SELVAGEM, Carlos, *Portugal Militar. Compêndio de história militar e naval de Portugal, desde as origens do Estado portucalense até ao fim de Bragança,* Imprensa Nacional, Lisbono, 1931.

TOYNBEE, Arnold J., *Hellenism. The history of a civilization,* Oxford University Press, Londono, 1959.

VIDAL, Gore, *Em directo do Calvário (O Evangelho segundo Gore Vidal),* Publicações Dom Quixote, Lisbono, 1994.

VIDAL, Gore, *Julian,* Four Square, Londono, 1966.

WHITFIELD, Susan, *Life along the Silk Road,* John Murray (Publishers) Ltd, Londono, 1999.

# Bibliografio

Eu e o Diabo. (Romano) Lisboa, 1950.

Cântico necessário. (Poezio) Lisboa, 1954.

Terra de Ninguém. (Romano) Lisboa, 1959.

O retrato esboçado. (Romano) Lisboa, 1960.

O fogo sagrado. (Romano) Lisbono, 1961.

Os sobreviventes. (Novelo) Sá da Bandeira (Angolo), 1965.

85 poemas realistas. (Poezio) Lisbono, 1974.

Os rios sem nome. (Romano) Lisboa, 1982.

Els exèrcits de Paluzie. (Romano, kataluna traduko) Barcelono, 1982.

Coneixes Blaise Cendrars? (Romano, kataluna traduko) Barcelono, 1984.

Bumaĵnye soldatiki. (Romano, rusa traduko) Moskvo, 1985.

Paisatge amb figura. (Romano, kataluna traduko) Barcelono, 1986.

Fer senyors a la plaça Roja. (rakontaro, kataluna traduko) Barcelono, 1986.

Txi znaeix ti Bleza Sandrara? (Romano, ukraina traduko) Kiev, 1987.

Conheces Blaise Cendrars? (Romano, portugala traduko) Lisbono, 1988.

Promessa às escuras. (Rakontaro, portugala traduko) Lisbono, 1994.

El dia que Jesús va trair Judes. (Romano, kataluna traduko) Girona, 1995.

O dia em que Jesús traiu Judas. (Romano, portugala traduko) Lisbono, 1996.

La armeoj de Paluzie. (Romano) Vieno, 1996.

Promeso en Obskuro. (Rakontaro) Vieno, 1997.

Bar-Mitzvah. Antes do Holocausto. (Romano) Lisboa, 2001.

La tago kiam Jesuo perfidis Judason. (Romano) Vieno, 2001.

Odiai-vos uns aos outros. (Romano, portugala traduko) Lisbono, 2003.

Zhi Bing. (Romano, ĉina traduko de "La armeoj de Paluzie"). Beijing, 2003/ 3ª eld. 2007.

Odieu-vos els uns als altres. (Romano, kataluna traduko) Barcelono, 2004.

Viagem a nenhuma parte. (Rakontaro) Lisboa, 2004.

Lembro-me de tudo como se tivesse sido na semana passada. (Romano) Lisboa, 2005.

Ĉu vi konas Blaise Cendrars? (Romano) Vieno, 2007.



Târà, tantra budhista diino.

